# Esperanto — Rok — Fangazeto

# ROK gazet'

- TEKSTOJ
- NOVAĴOJ
- INFORMOJ
- INTERVJUOJ
- MALNOVAĴOJ
- ESPERANTO-ROK-RETO
- KONCERTOJ-FESTIVALOJ





NUMERO 1
Jaro 1991

Eldonas EUROKKA
EUROKKA - F-31450 DONNEVILLE




Rok-Gazet'

Administration-rédaction/
Administrejo-redaktejo/
Rok'Gazet' c/o EUROKKA
F-31450 DONNEVILLE
TEL (33)61.81.95.65

Directeur de publication/
Eldon-direktoro:
Floreal MARTORELL

Redacteur en chef/
Ĉefredaktoro
Bertrando ALBAULT
Berdoulet Ouest
FONTENILLES
31470 St-LYS
(33)61.91.16.34

Rédacteurs
Redaktora stabo:
Bertilo WENNERGREN
Jurij PASEČNIKOV @
RAFA
Nikolao VOLOŜIN
☆ FLO ★
Georgo KAMAČO &
Przemek GRZYBOWSKI &
Andrej ANANJIN @
Didi WEIDMANN
Andrzej BRODA &
Dimitàr TERZIEV &
Brigitte HENIN
Rikardo CASH
Oleg SVIRSKIJ &
Secretariat/
Sekreta ri-ino:
Nikola

Dessins/Desegnajoj
Niko
Kruela Devil
Bertrando

**Photos/Fotoj**
Flo MARTORELL
Sylvie BAUDIN

**ENPAĜIGO/ MAQUETTE**
NIKOLAO VOLOŜIN
FLO FLO

*Imprimerie/presejo*
IMPRIMERIE CRYSTAL
F-31450 DEYME

Distribution/disdono
Associations Espérantistes
Esperantistaj Asocioj
**Dépot légal à parution**
Commission paritaire en cours
édité par/Eldonas
EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio
F-31450 DONNEVILLE

# Oficiala Klaĉado

Klasike mi komencos dezirante bonan novjaron al ĉiuj. Por tion konkretigi Eurokka decidis proponi etan donacon al novaj abonantoj: vidu ĉi sube.

Sekve ni ankaŭ ne malmultigis la paĝojn kiuj devis resti nur 24! Ankoraŭ estas 28, krome plenaj kiel neniam kaj eĉ restas al ni materialo por la sekva numero. Por tio, mi deziras danki ciujn kunlaborantojn, eĉ la plej akraj!

Rok-Gazet' volas esti sentabua rokajo via: daŭre ni atendos viajn plej diversajn skribajojn kaj provos elverki plej indan legajon...

Fakte ĉiuj komputorantoj prefere sendu siajn verkojn sur diskedoj 3,5" en "ASCII" sliparo(j), laŭ Atari aŭ IBM formato. Ni resendos diskedojn sed tamen konservu kopion. Tio gajnigos al ni multan tempon kaj ŝparos vian printilon!

Principe ni nun devus esti nun fakasocio de Tejo.

La ĉi apudaj abontarifoj en USD sekvitaj de tiom stranga signo estas nur iaspecaj prezindikoj por nepagipovaj landoj. Ni provis plej ĝuste elkalkuli la tutan tarifaron laŭ tiu de alia internacia revuo. Principe ni ne eraris!

Por la nepagipovaj landoj ni ĉiam ne scias kiel fari... Tamen ni finfine sukcesis malfermi UEAkonton: ROKKB .

Esperante ĉiam plibonigi Rok-Gazet', ni bonvenigos ĉiujn kritikojn kaj deziras al vi plej ĝuan legadon...

Ĝis baldaŭ,
Bertrando

Bankkonto: B 15999 G 2206
N° C 40247960 CL 10
CCM Toulouse St-Agne
F-31400 Toulouse, Francio
UEA Kodo: Rokk-b

Abono: 4 numeroj

| | |
|---|---|
| Argentino | 13 USD |
| Aŭstralio | 26 AUD |
| Aŭstrio | 215 ATS |
| Belgio | 625 BEF |
| Brazilo | 13 USD |
| Britio | 10 GDP |
| Bulgario | 16 USD |
| Ĉeĥoslovakio | 123 CSK |
| Danio | 123 DKK |
| Finnlando | 73 SFM |
| Francio | 100 FRF |
| FRG | 33 DEM |
| Grekio | 1700 GRD |
| Hinda Unio | 90 INR |
| Hispanio | 1600 ESP |
| Hungario | 650 HFT |
| Irlando | 10 IRP |
| Islando | 20 USD |
| Israelo | 18 USD |
| Italio | 21500 ITL |
| Japanio | 3000 JPY |
| Jugoslavio | 13 USD |
| Kanado | 21 CAD |
| Korea Resp | 18 USD |
| Luksemburgo | 625 LUF |
| Nederlando | 35 NLG |
| Norvegio | 112 NK |
| Nov-Zelando | 30 NZD |
| Pollando | 13 USD |
| Portugalio | 1700 PTE |
| Soveta-Unio | 17 USD |
| Suda Afriko | 20 USD |
| Svedio | 112 SEK |
| Svislando | 28 CHF |
| Usono | 20 USD |

Por la aliaj landoj en Azio, Afriko kaj Latin Ameriko abono: 13 USD aŭ 22 Irpk (Internaciaj Respondkuponoj)



Anonctarifo:

| | |
|---|---|
| - Dorskovrila anonco | 2000 FRF/400 USD |
| - 1 interna paĝo | 1000 FRF/200 USD |
| - 1/2 paĝo | 600 FRF/120 USD |
| - 1/4 paĝo | 300 FRF/ 60 USD |
| - 1/8 paĝo | 200 FRF/ 40 USD |
| - 1/16 paĝo | 100 FRF/ 20 USD |

50% Rabato por Esperanto-rokbandoj.

Anoncetoj:

Ĉiu linio kostas:
6 FRF/ 1,20 USD aŭ 2 Irpk





# ENHAVO



**Legenda:**
& resendas al la Reto en ĉi numero
@ resendas al la Reto en antaŭaj numeroj
X)pp resendas al n°X paĝo pp



# MILITO''NE DANKON!

Post la N°0 (provnumero de ROK-GAZET')
la N°1 aperas en naŭza milita etoso.
Milito ŝvebas en la arabaj landoj.
Ekonomia ĥaoso en oriento, ekonomiaj
malfacilaĵoj en okcidento.
Ni diru, jam estas milito!
Ni uzu esperanton kaj rokmuzikon
kontraŭ la milito.
Ni rifuzu la militon en la Persa Golfo.
Ne, al ĉiuj militoj!
Jes, al unuiĝo inter ĉiuj popoloj. Ke
ROK-GAZET', esperanto kaj ROK-MUZIKO
servu kiel armiloj pacaj.
Ni esperas ke ROK-GAZET' daŭre aperos
malgraŭ la nunaj kaj estontaj
malfacilaĵoj.
ROK-GAZET' bezonos la kontribuon kaj
kunlaboron de ĉiuj E-Rok-emuloj kaj
E-Muzikŝatantoj el 5 partoj de la mondo
por ke la gazeto vigliĝu kaj fariĝu
vera Esperanto-Rokmuzika interligilo.
Ne nepre roka, ne nepre esperanta sed
kies celo estas muziko, roko kaj
esperanto.
Do, ni atendas viajn artikolojn ilustra-
ĵojn, fotojn, desegnaĵojn, abonojn, ktp...
Kreante ROK-GAZET'-n Eurokka volas
alporti sian kontribuon al la Esperanto-
kulturo kaj al la Rok-kuturo.
Samcelo estas la kreado de la eldonejo
Vinilkosmo kies unua produktaĵo (disketo:
Amplifiki/Rozmariaj Beboj) aperis antaŭ
ne longe.
Espereble Vinilkosmo povos eldoni multajn
aliajn Esperanto-Rok-produktaĵojn.
Nu, sufiĉas la antaŭparolo, bonan legadon,
kajmalgraŭ ĉio ni deziras al vi plej
feliĉan novjaron 91.

FLO

## VARBOMAŜINO

aŭ
Kial eĉ malrokemuloj kaj malmuzikemuloj
nepre devas aboni Rok'Gazet'!

Estis por mi granda ĝojo kaj surprizo ricevi la unuan numeron de la gazeto. Ĝi tiel rapide aperis! [NDLR:Ĉu tiom?] Mi estas certa, ke en estonteco ĝi aperados dum longa tempo kaj ĉiam tiom bona. Mi montris la gazeton al kelkaj el miaj geamikoj, kiuj absolute ne deziras lerni Esperanton. Ili ĉiam opiniis nian lingvon internacian stulta kaj tute ne utiligebla. Tamen, kiel ĉiuj gejunuloj, ili evidente kaj kompreneble interesiĝas pri diversaj specoj de muziko kaj rok' estas tiu la plej ŝatata. Post kiam mi klarigis al ili pri la afero de Eurokka kaj ties agado, ili kun hezito, sed videble, ŝanĝis sian opinion. Do, la gazeto funkcias tre bone. Estu tiel!

Przemek GRZYBOWSKI

Aldonendas ke, kiam eblos al li montri kelkajn numerojn de Rok'Gazet' kune kun du-tri disk(et)ojn de VinilKosmo, Przemek certe ne plu havos problemojn por varbi novajn E-ojn. Mi vetus eĉ, ke li havos zorgojn por ne varbi tro samtempe!




FESTOJ DE KRISTNASK'

Jam pasis la festoj sed la nova kasedo de AMPLIFIKI restas.

La E-Rokbando "Amplifiki" dum tiuj lastaj tempoj estas tre produktiva.

Printempe 90 aperis 2 titoloj en la disketo de Vinilkosmo, somere 90 eldoniĝis la kasedo "Esperanto ne konas landlimojn" kaj surprizo!!! Amplifiki donacis por la jarfin-festoj'90 tute novan kasedon por varmigi niajn korojn en la malvarmegaj vesperoj vintraj.
Ĉi-foje nur svedoj kaj kelkaj invititoj el sovetio realigis "Festoj de Kristnask' ".
Jes tio estas la titolo de tiu last-aperita kasedo.
Aùskultante ĝin mi memoras pri miaj plej junaj tagoj. Kristnasko certe memorigas al ĉiuj varman etoson ĉirkaù multaj donacoj por la infanoj kaj bonan tablon por plenkreskuloj.

Hodiaù eĉ la Rokemuloj ne estis forgesitaj!!!

La ĉarma voĉo de Mikke enkondukas la unuan titolon "Meznokt' regas", kristnaska melodio alvenas kun Per-Ola al la kanto (tip, tap, tip, tap, tipetipe tip, tap tip tip tap)
La muzik-aranĝo fare de milda rokmuzika balado enhavas evidente vivantan Rok-bandon.
Drumisto anstataùasDrummaŝinon, kaj bona ritmo eksaltigas la piedojn.

Post aùskulto de tiu-ĉi unua peco videblas ke malantaù tiuj Rokmuzikistoj sin kaŝas junaj knaboj kiuj regas, eĉ, majstras lerte kaj sperte la muzikinstrumentojn.
"Blanka jul'" ekfaligas neĝerojn sur la jularbojn per kristalaj piannotoj bone konataj de ĉiuj.

"ĉe l'rando de l'ŝose " svingas kun la korusvoĉoj de Nataŝa kaj Ĵomart (el kazaĥio) kaj Juhani. Sed la neĝo falas en norda Itali' kaj petveturo ne alportas nin hejmen kaj ni restas ĉe l'rando de l'ŝose decembre dudek kvaran... (Ankoraù ulo kiu misuzis pasportan servon).

"Sledveturado" kaptas nin per galopanta Ritmenblusa balado sur la neĝoplena vojo. Ĝis kie?...

Sonoriloj aùdeblas... Mikke-a gitarkoruso trafas nin. Profunda orgensono enirigas nin en la "Sankta nokt'"kie bela koruskanto invitas al malstreĉiĝo. La unua flanko finas tiel, lasante nin en ŝveba etoso kristnaska.

La dua flanko el komforta, dolĉa kaj varma stato por ĵeti nin en la kadencan rokkantaĵon (eĉ mi tremis pro la anĝelina koruso belega) de "Fest' de kristnasko" .Vidu la malfeliĉan knabon.

*Fest' de Kristnasko*
*Rigardu eksteren, abundas la neĝo*
*De vintra sezono alvenis la reĝo*
*Kvamkam la frosto iras ĝis osto*
*Por ĉiuj ajn de ĉiuj land', komuna tosto*
*Celebri, jen ĉies tasko*
*Dum fest' de Kristnasko*

*De norda poluso, pro tre grava kaùzo*
*Venas la viro, venas Sankta Klaùzo*
*Je fino de jaro al infanaro*
*Kunportas donacojn de lia faro*
*Labori, jen lia tasko*
*Dum fest' de Kristnasko*

*Kaj mi sole kuŝas sur mia matrac'*
*Cerbumas kaj rigardas al plafon'*
*Aùdeblas gitaro de stratmuzikist'*
*Li ludas nun sub la balkon'*
*Sed mi sole kuŝas sur mia matrac'*
*Cerbumas kaj rigardas al plafon'*
*Atendas alvenon de iu anĝelin'*
*Alvokon de sub la balkon'*

*Kvin miliardoj hodiaù kuniĝas*
*Sed verŝajne nur unu tre tre enuiĝas*
*Rebeka, ŝi foriras, min lasas, mi miras*
*Jul kun koboldoj min ne plu inspiras*
*Sopiri, jen mia tasko*
*Dum fest' de Kristnasko.*

"Boaco" rapidege malproksimiĝas,
apenaŭ ĝin mi vidis. Klaregaj
gitarnotoj montras la vojon.
Kaj nun kompreneble alvenas
"Sankta Nikolao" al kiu oni skribas
por fari grandan kaj gravan peton,
ĉu ludiloj? aŭskultu amikoj tiujn
vortojn inter riĉaj gitar-korusoj
de Mikke.

*Sankta Nikolao, kunportu inon en la sako via*
*For de la solec' estu la Kristnasko tia...*
*Sankta Nikolao, kunportu vinon en la sako bruna*
*For de tristec' estu la Kristnasko nuna...*
*Sankta Nikolao! memoru vi pri la donaco!*
*Sankta Nikolao! estu ĝoja la Kristnasko!...*








"Venu sankta nokt'"-on alportas Juhani,
kun la korusa voĉo de Ĵomart kaj ina
melodio de Nataŝa sur kortuŝa fonpianludo.

"Stel' de l' dezir'" aŭ ĉu de l' deliri'?

*Ĉu la stelon vidas vi?...*
*De la stel' arĝenta ond'*
*Revas mi pri pac' en la mond'*
*Kaj pri sano kaj am' en mia rond'...*

Ĉu io sanktas? Kiu devus honti?
Do fakte, eĉ la vivon ni konsideru
kiel grandan ŝercon. (Citas Mikke).
Amplifiki iom murdetis la plej konatajn
kantaĵojn sukcese per tiu belega
kasedo altkvalite registrita de veraj
artistoj. (Per-ola kantas, Mikke gitaras
Olle drumas, Bobbi basgitaras, Juhani
klavaras, Nataŝa kaj Ĵomart koruskantas).
Ili tion faris kun tre malmulte da respekto por festaj tradicioj.
Tamen mi konfesas ke la tuta kasedo estas
vera dolĉa kristnaskfrandaĵo kiun ĉiu
nepre devas akiri por ĝui plenplene
tiajn festojn.
Kaj kiel diras niaj svedaj amikoj,
God Jul og Gott Nytt År!
Bonan Kristnaskon kaj Feliĉegan Novan Jaron!

La 24an de decembro 1990

Flo!

# INTERVJUO

ĴOMART AMZEJEV

Ĵomart Amzejev: "Mi tre amas silenton..."

*Eurokka: Ĵomart, nun ni povas diri, ke vi estas la plej populara kantisto en sovetia Esperantujo. Kiel vi mem rilatas al tiu ĉi populareco?*

Ĵomart: Mi ne opinias, ke mi estas tre populara kantisto. Esperanta publiko estas tre sentema kaj tre rapide difinas: kiu estas kiu. Mi ŝatas, ke Esperanto-publiko opinias, ke mi kaj Nataŝa estas "iliaj kantistoj". Bedaŭrinde en nia lando ne estas ĉiujara E-festivalo, kie E-artistoj povus renkontiĝi kun publik'. Ja estis antaŭe la festivalo en Jalta "velura sezono". Ni ĉiuj venis de tie, Volodja Soroka, Lena Bistrickaja, Nataŝa Berce kaj aliaj.

*E: Malgraŭ populareco, ni volus pli bone konatigi niajn legantojn kun vi. Rakontu iomete pri via viv-historio.*

Ĵ: Mia viva vojo estas tre ordinara. Mi naskiĝis per ordinara rimedo. Mi lernis en ordinara lernejo. Nun mi estas diplomita gvidanto de ĥor-ensemblo, sed laboras kiel gvidanto de rok-ensemblo kaj, eble, pro tio mi tre amas silenton kaj kantojn kun akustikaj gitaroj. Mi, kiel ĉiuj, estis "oktjabrjonok", "pioniro", kaj "Komsomolano". Sen Esperanto mi estus tre ordinara homo.

*E: Vi verkas nur Esperante, aŭ ankaŭ ruse, ĉu? Kiel kunvivas du lingvoj en via poezio, en via animo?*

Ĵ: Mi verkis antaŭe nur ruse, sed nun nur Esperante.

*E: Preskaŭ mil disvenditaj kantaretoj kun viaj kantoj signifas pri ekzistanta vasta rondo de ŝatantoj de viaj kantoj. Nun estas vendata eĉ disketon. Kiel ĝi aperis?*

Ĵ: Mi ne kulpas. Pro venditaj kantaretoj "kulpas" vi mem Jurij, la ideo pri disketo apartenas al Albert Sakarov el urbo Samarkand. Li ĝin plenumis, kaj mi devas diri, ke li estas tre kuraĝa homo.



*E: Kiel vi pritaksus la nunan staton de E-Movado en Sovetio?*

Ĵ: Kiel vasta movado. Sed ne ĉiam profunda ĝi estas.

*E: Post kelkaj ŝanĝoj, malaperoj, via ensemblo verŝajne stabiliĝis, kiam en la jaro 1988 (aŭ pli frue) vi komencis kanti kun Nataŝa Gerlaĥ. Kie vi prenis tiom brilan steleton?*

Ĵ: Nataŝa kantis en studenta Rok-ensemblo. Mi proponis al ŝi kanti kune E-kantojn kaj diris ke se ŝi jesos, ŝi ĉiam restos sen mono, ofte somere ŝi noktumos en stacidomo, trajne kaj aŭtobuse. Krome, ŝi neniam manĝos glaciaĵon. Sed ŝi jesis kaj de tiam ni kantas nur duope.

*E: Kaj aparta demando al Nataŝa. Vi estas kunaŭtorino de kelkaj kantoj. Ĉu estas facile kunlabori kun Ĵomart?*

Nataŝa: Kunlabori kun Ĵomart estas samtempe facile kaj male, sed mi opinias, ke ankaŭ mi ne estas "donaco".

*E: Pasintsomere vi vizitis Hungarion kaj tiel plezurigis partoprenintojn, ke oni eĉ filmis vin kaj tiu ĉi filmo estis kun sukceso prezentita en kelkaj polaj renkontiĝoj. Rakontu bonvolu pri viaj vojaĝ-impresoj.*

Ĵ: Tio estas tre agrabla vojaĝo. Ĉarma Hungario, varma somero, multe da gejunuloj-esperantistoj, kion ankaŭ deziri? Estis multe da komencantoj, precipe en sovetia grupo. Sed la mastroj de renkontiĝo, precipe Låszlò Szilvasi, faris ĉion por ke la tagoj pasintaj en Hungario, estu memorindaj. Mi dankas la hungarajn Esperantistojn pro ĉio.

*E: Ĉu lasttempe aperis novaj kantoj?*

Ĵ: Jes, nepre!

*E: Tradicia demando: Pri viaj planoj...*

Ĵ: Kanti, kanti,kanti...

*E: Kion vi dezirus al legantoj de nia revuo?*

Ĵ: Amu esperanton, vivu en Esperanto kaj helpu al Esperanto.

Intervjuis Jurij Pasečnikov.

# EŬSKA ROK

- *En Plamplono okazis koncerto favore al la solidarecaj grupoj kiuj laboras por la Centramerikaj geriloj. (Vidu la enir bileton)*

- *La grupo "Hertzainak" post turneo en Kubo nun ripozas kaj pripensas kion fari post la sukceso de sia lasta verko (Albumo) "Amets prebabrikatuak". ("Revoj antaŭfaritaj").*

- *Nova grupo de Pamplono "Tahures Zurdos" atingis gravan sukceson per sia disko "Tahuria," la kanzonoj "Ama nokto" kaj "Morto Venu" estas la plej menciindaj.*




A OSTSAILAK 4 I R U Ñ A DIA 4 de FEBRERO
















- *Alia nova grupo kiu rapide famiĝas estas "Delirium Tremens", ĝi baldaŭ aperigos sian duan diskon. Delirium Tremens faris turneon tra Kimrio kaj Italio.*

- *Aliaj plej "Klasikaj" bandoj kiel la famaj "La Polla Records" (Punk-Rok'), "Barricada" (Metal-Rok'), "Potato" (Baska-Regeo) aperigis novajn verkojn kaj ili havis laborplenan someron.*

- *En Eŭskio ankoraŭ ne ekzistas eĉ unu bando kantanta ion Esperante. Ni klopodas por ke en la estonteco estu tiel.*

*Novaĵoj el Eŭskio pri la Rokmuzika agado senditaj de nia peranto :*
*Rafael Blanco en Baska Lando*
*Plaza Zaldiaran 1, 6*
*E-01008 Vitoria*
*Gasteiz.*





# malrok-muziko

INTERNACIA FESTIVALO DE E-KULTURO

Inter la 4a kaj la 9a de julio 1990 okazis en Budapeŝto Internacia Festivalo de E-kulturo, ĝi estis organizita de Hungara Esperanto-Asocio (HEA) en la kulturdomo Làng.
Laŭ la oficialaj anoncoj la festivalo inkluzive de enkadra movadologia konferenco"Celo kaj strategio de la E-movado" estis planita kiel alternativo por la 75a Universala Kongreso en Kubo, kiun multaj ne povis ĉeesti.
Invitite de HEA naŭpersona delegacio de Junulara E-Klubo el Koszalin (PL), kiun konsistigis ĉefe Junulara E-Kantensemblo "ESPERO", povis alveni kaj aktive kontribui al la arta programo. Pro specife "faka karaktero de Rok-gazet'" mi limigu min dividi la proprajn impresojn koncerne de la muzika programparto.
La sesan de julio vespere kantistinoj kaj magiistoj prezentis sin sur la kulturdoma scenejo.



ESPERO

La programo komenciĝis per unu profesia hungara operkantistino kies repertuaron konsistigis esperantigitaj kanzonoj de F. Schubert.
Ne estante aparte scivolulo pri ĉi-speca artbranĉo mi konsultis ŝian programeron kun kelkaj spektintoj kaj ĝi evidentiĝis sufiĉe interesa. Estas tutcerte avantaĝe havi varion de muzikstiloj en Esperanto. Valoras do apogi ĉiun provon buntigi nian kulturon sed tio neniel implicas postulon rezigni pri daŭra plialtniveligado de ĝi.



JOASIA WROBLEWSKA solistino de espero

Sekvis Junulara E-Kantensemblo ESPERO, kiu aperis sursceneje ankoraŭ dufoje kvazaŭ kadrigante la vesperan programon.
Ĝi prezentis sian popmuzikon en Esperanto, kiu principe ne celas Esperanton en si mem kiel ĉefan temon, nek fanfarone heroldas tujan finan venkon de "nia kara orfa idiomo".
Ĝi deziras ĝojigi, iom amuzigi publikon, sed tamen ne fongesigi auskultantojn pri kelkaj

valoroj malkonverteblaj kontraŭ ajna valuto.
Pro foresto plurmonata de Anita Nowakowiska "mastranta sintezilon la ensemblo devis prezenti sin helpe de akompana bendo.
Du magiistoj el Hungario kaj Ĉeĥoslovakio dividis la programon de ESPERO, kio estis sendube interesa ideo.
Post la dua kaj la tria partoj de ESPERO venis sur la scenejon simpatia hungara koruso.
Muzilo gvidata de Wieskaw Tomaszewski, kiu tamen ne venis al Budapeŝto. La lasta programero estis laŭ kelkaj plej ekscita. Hungara kantistino prezentinta interalie kanton "Ino en am'" ("Woman in love") de Barbara Streisand vekis apartan intereson per sia versio plena de emocioj. Vere estis indeĝis atandi ĉi-tiun programeron.
La dimanĉan vesperon la organizintoj dediĉis al pupteatroj, pri kiuj vi legu en aliaj E-periodaĵoj.

Andrzej Broda
PL-76-100 SLAWNO
Pollando.

---

Multaj jam konas la harpistinon Saskia VEEN el Nederlando.
Ankaŭ ŝi okupiĝas pri SAT-junulfako .
Krome kun la tenoro Edward HOEPELMAN, Saskia starigis repertuaron por harpo kaj tenoro.
La tuta repertuaro estis tradukita en esperanto de inter alie William AULD, Roger BERNARD kaj Martin HAASE.





Saskia Veen (Harp) en Edward Hoepelman (Tenor)

La duopo jam koncertis okaze de multaj esperanto-renkontiĝoj, naciaj kaj internaciaj. Kiel ekzemple la UK en Rotterdamo.

Inter-tempe ili eldonis sian unuan kasedon en esperanto.
Por pliaj informoj:
Saskia VEEN
"KORDO" postbus 9234
NL-5000 HE TILBURG
NEDERLANDO

---

ETERNA MUZIKO



Al mi estas tre agrable prezenti novan diskegon en Esperanto, ĉar, bedaŭrinde, oni eldonas tre malofte ankoraŭ. Mi aĉetis ĝin dank al leningrada E-kooperativo, ĉar en diskvendejoj mi ne vidis diskojn en Esperanto.
Do, "Eterna muziko", ankaŭ estas nomo de ensemblo, kiu estis organizita en la jaro 1984, en Leningrado. Kaj jam dum ses jaroj sukcese prezentas rusan klasikan muzikan arton. La ensemblanoj mem tradukas kaj plenumas ankaŭ okcident-eŭropan korusan muzikon de

16-19-aj jarcentoj, Kiun vi povas aùskulti en unua flanko de diskego. En dua flanko leningrada Esperanto-Teatro prezentas poemon de fama rusa poeto A.Puŝkin "Graf' Nulin" en plenumo de Oleg Popkov (traduko deM.Bronŝtejn). Kun sukceso kursgvidantoj povas uzi ĉi tiun parton de disko por prezenti al komencantoj bonegan deklamadon kaj belsonoro de nia lingvo. Mendu la diskojn laù adreso de EUROKKA.

NIKO (LuEK)



## Nova kasedo de Georgo Handzlik



Ho, se temas pri tiu ĉi lasta artisto! Lasttempe, ĉe Edistudio aperis sekvanta kasedo de Georgo: Sur Placo de Ĉiela Pac'. Ĝi enhavas kolekton de la plej novaj kanzonetoj de tiu ĉi kantema Polo. Lia muziko plaĉas al homoj ŝatantaj gitarludadon kaj iom ŝercajn poemetojn, sed ankaŭ seriozajn kanzonojn, kiel tiu ĉi, kiu donisla titolon por tuta kasedo. Liaj kasedoj tuj disvendiĝas, kaj tio signifas, ke ili estas vere bonaj. Se vi ankaŭ, karaj gelegantoj, deziras aŭskulti plaĉan muzikon kaj bonegan lingvajon, serĉu ĉe viaj libroservoj la kasedojn de Georgo Handzlik!

Przemek GRZYBOWSKI &





GRAT-UL-ARO
aŭ
Kie nin grati se nenio jukas?

Fakte neniam pli maljukis ol dum ĉi lasta duonjaro post iom tro urĝaj lanĉo de VinilKosmo kaj ekstarto de Rok'Gazet': ni estas surŝutitaj de plenplenaj valizegoj da gratuloj kaj tio ju pli plezurigas, des malpli oni faris da laboro. Kaj superlativo (eĉ plej absoluta) por diri kiom multe da plezuro mi priĝuas, ja ne ekzistas! Mi ĉesu kun fanfaronaĵoj kaj elskrapu la kremaĵon dum ĝi varmas!

"La Rok-gazet estas perfekta! kia surprizo kiam mi ricevis ĝin! pff. BONEGA ENPAĜIGO!" Gérard ROLLIN, Eldonisto &

"Bonegega estas "Rok-Gazet'",... Mi volas vin gratuli pro la kreo de tiu kanalo."

Flavio FONSECA &

"Se nur la duono de E-gazetaro estus tiom bone farita..." D-ro, prezidanto de AE, kies nomon mi ne devus forgesi!

"Mi ricevis vian ROK-GAZET'-n No 0, kun plezuro tralegis ĝin kaj alte aprezas la redaktadon de la gazeto. Gratulojn !"

Dimitàr TERZIEV, redaktoro de "Muziko" &





## La honorprezidantino gratulas

**«El letero al la respondeculo de Eurokka»**

Gratulojn, verajn gratulojn!! Mi havis la ŝancon legi la novan Rok'Gazet'on kiun mia patro kunportis lastan finsemajnon kaj mi tuj pensis ke mi nepre devas skribi por gratuli kaj kuraĝigi vin: mi vere miras pri la beleco de tiu gazeto!

...

Kaj mi pli kaj pli bedaŭras ne esti kun vi; por helpi! Fakte estas facila afero esti ĉi tie kaj diri tion, sed mi estas sincera!

Kompreneble mi ankaŭ estis ĝoja legi mian nomon, sed mi ŝatus scii kiuj frenezulegoj elektis min!! Mi ankaŭ devas diri ke, ĝis nun, mia laboro kiel honorprezidantino ne malplaĉas al mi!! Mi esperas ke neniu bedaŭras ke li elektis min!

Do, mi deziras grandegan ŝancon kaj plezuron al ĉiuj legantoj de tiu promesdonanta gazeto!!

**Brigitte Hénin**

Gratulojn por via fervoro, Brigitte, kaj plej kore rokajn bondezirojn de la tutaj skipo, redakcio kaj Eurokka por la nova jaro en kiu, mi esperas, Rok'Gazet' kaj Vinilkosmo eltenos siajn promesojn!

Fakte mi ja sciis pri nia frenezeco, ĉar fakte tio estas nepra kondiĉo por krei aŭ enesti la estraron de Rok-Asocio, despli Esperanta, sed tamen ne konsciis nin tiom frenezaj!!! Ni elektis vin unuvoĉe, kaj tio tute ne estas frenezaĵo: ĉiu el ni estus volinta fari multe pli por vi... kaj, persone, mi sentas min iom kulpa ne tion kapabli.

Bertrando

# L'ETAT DU ROCK 91



MONTPELLIER LA ROKA ŜTATO 90

La 2a, 3a kaj 4a de februaro 1990 okazis en la sudfrancia urbo Montpeliero la "Roka Ŝtato 90". Tio estas renkontiĝo de rok-grupoj, koncert- kaj festival-organizantoj fangazetoj, markoj (de kasedoj, diskoj) kaj de ĉiuj kiuj rokas ĉiutage.

EUROKKA-skipo iris tien kaj prezentis la Esperanto-rok-produktaĵojn sur stando sabate la 3an de februaro en la Renkontiĝa-Forumo "Rok-Bazar" de la "Roka ŝtato 90".

Tie staris:
- 91 standoj de rok-asocioj el Francio , el Belgio kaj Italio.
- 46 standoj de francaj rok-bandoj
- 16 standoj de rokfangazetoj.

"Rok-Bazar" malfermis la pordojn je la 10a matene kaj daŭris ĝis la 19a vespere.
La etoso estis tre roka, brua kaj tre intensa. Multaj homoj vizitis tiun Rok-Bazaron.

Multaj miris vidante kaj malkovrante nian Esperanto-rok-standon. Multaj petis informojn pri Esperanto, Esperanto-rokmuziko kaj aŭskultis niajn produktaĵojn (Amplifiki, Persone, Team', Kajto, Aaron). Kelkaj aĉetis, aliaj interesiĝis pri nia aperonta disketo de Amplifiki kaj La Rozmariaj Beboj.

La partopreno en tiu aranĝo estis pozitiva por EUROKKA ĉar la franca rokmovado havas nun bildon pri Esperanto Rokmuziko.

Diversaj asocioj interesiĝis pri nia agado kaj ŝatus kunlabori. Ekde tiam radio-stacioj kaj rokfangazetoj informas pri nia ekzisto kaj agado.

Eĉ distribua franca marko, nome (Scalen Disc) interesiĝas pri la distribuado de la CD (kompakt-disko) de Kajto en Francio, aldonante ĝin kiel Esperanto-produkto en sian venontan katalogon.

Dum la tago vizitis nin en la stando kelkaj lokaj esperantistoj al kiuj ni anoncis nian ĉeeston, kaj ili miris ne ĉefe pri nia stando sed pri la



aliaj, pri la etoso kaj la strangaj uloj (punkoj, metalrokuloj, rokuloj,ktp...).

Ni nur alvenis sabate, sed vendrede vespere la 2an okazis en "Rok-Store" rokkoncerto kun:
- Vox Populi
- Clair Obscur
- Die Bunker.

Sabate vespere, malgraŭ la laciga tago kiun ni travivis, ni iris al la granda koncerto en "ZENIT" kie kvin famaj francaj rok-bandoj devis koncerti.

La koncertejo "ZENIT" estis plen-plena (ĉirkaŭ 10 000 spektantoj). La koncerto ekis per mallonga prezentado de la humora rok-bando "STTELLLA".

Tuj poste alvenis "WAMPAS", pariza "Traŝ-Bando" ia speco de miksaĵo de bilio-roko kaj punko tre ritma kiu frenezigis la rokemulojn.
Wampas estis tre ŝatata.
La blekanta kantisto finis la koncerton kun ŝirita pantalono, sen ĉemiso, preskaŭ nuda.
Dum la koncerto la publiko ŝajnis tumulta maro.
Varmego iom post iom supreniris ĝis ni.
Paŭzeto de kvaron-horo ebligis al la ŝvitanta publiko trinki (drinki) amason da biero.
Dum tempe la "Naufragés" (ŝippereintoj) pretigis sin.

"Naufragés" (pr: nofraĵe) estas muzikistoj de tre fama franca rokbando nome "OTH" el Montpeliero, kaj ili starigis tiun alian grupon por amuziĝi.
"OTH" (pr: oteaŝ) jam eldonis 3 albumojn vinile kaj la rokfangazeto "YAOURT" de la 02/90 enhavis KD disketeton kun kolektaro da neeldonitaj kantoj de "OTH".

"Naufragés" muzikludas malnovajn kantojn de la jaroj 40 (parizajn, maristajn, bretonajn, de Edith Piaf, ĵava, ktp...) roke.
Amaso da homoj ŝatis kaj dancis energie, foje la etoso estis tiel kiel en koncerto de "The Pogues".






LUDWIG VON 88

Poste aperis la pariza rokbando "Ludwig von 88" promociita kaj produktita de la marko "Bondage Records".

Bondage estas tre fama marko kiu promociis (as) multajn alternajn kaj marĝenajn rokbandojn el Francio, kiel ekzemple la liberecana rokbando "Berurier Noir" (pr: Berürje Nuar, Nigra Berürje).

Ĉifoje "Ludwig von 88" ne tre bone koncertis ĉar de nelonge foriris la ĉefa gitaristo kaj tio malhelpas la grupon.
La muziko ne estas tre riĉa (ritmo fare de nur drumilo tre rapida).
Ŝajnas tre rapida punkmuziko, tamen la tekstoj estas tre perfortaj kaj plenplenaj de krudaj veroj kaj kritikoj pri la diversaj sistemoj, politikoj, ktp...
Ankaŭ la grupo estas tre teatra(la kantisto ŝanĝas inter ĉiu kanto siajn vestojn kaj maskojn.

Por fini la spektaklon, sursceniĝis la lasta rokbando.

Ĝi estis la plej impona el ĉiuj pro sia altkvalito, profecieco, vigleco, ktp...

"MANO NEGRA" ( Nigra Mano) eksplodigis la publikon.
La grupo konsistas el 10 famaj muzikistoj kiuj estis en diversaj aliaj konataj francaj rokgrupoj kiel la gitar-kantisto MANU (hispandevena) kiu ludis kun "Hot Pants"kaj kun "Los Carayos" (pr: Karajos), la trumpetistoj kiuj ludis kun "Chihuahua" (pr: Ĉiŭaŭa).

Mano Negra eldonis plurajn diskojn, la lasta troveblas ankaŭ kompktdiske ĉe la eldonejo "Virgin".

La rokmuziko de Mano negra tre viglas kaj energias.
Ĝi sonas kiel latin-roko ĉar multaj kantoj estas en la hispana sed ili kantas ankaŭ ĉu france, ĉu angle, ĉu arabe. Ilia muziko prenas rokritmojn miksitajn de hispanaj, meksikiaj, rap-aj, kaj arabaj melodioj.
Tiu miksaĵo donas tre originalan muzikon kiun la francaj rokemuloj ne kutimas aŭskulti.
La ritmoplena energio danceblas kaj la publiko estis mortigita per tiu lasta frapo, ĝis la fino.




Rokemuloj el la publiko supreniris sur la scenejon kaj sin ĵetis al la publiko, saltante kapo antaŭen.
Malsupre, la scenejo ĉiuj korpoj moviĝis freneze, kaj en iu momento Manu, la kantisto, malsupreniris sur la publikon antaŭ la scenejo kaj paŝis sur la kapojn daŭre kantante kvazaŭ la kapoj kaj ŝultroj de la fanoj estus strato.







Memorebla koncerto.
Entuziasmiga rokbando.
Nepre vi devas aŭskulti "Mano Negra".
Esperebleiam ili kantos esperante iun pecon.
Post mallonga kaj varma nokto ni foriris hejmen.

Tamen la programo de "Roka ŝtato 90" ne estis finita ĉar dimanĉe okazis disko-debato dum la tago kaj vespere alia rokkoncerto en la koncertejo "Victoire 2" (pr: Viktuare 2, Venko 2). Kun la rokgrupoj DAZIBAO kaj MKB.

Aranĝis tiun"Roka ŝtato 90"la pariza asocio **BIGOUDI IMPERIAL**

Kaj ĉi-jare:
"l'Etat du rock 91" la "Roka ŝtato 91" okazos denove en Montpeliero de la 15a ĝis la 17a de Februaro 1991 kun la jena programo:
Vendrede la 15an ekde la 19a
en la koncertejo Venko 2:
- Poison Idea, M.S.T., Death Power HateForces.

En la koncertejo Rockstore:
- Little nemo, Asylum party, Mary Goes Round
Sabate la 16an ekde la 10a
Rokbazaro
Ekde la 19a en la koncertejo Zenit:
-Parabellum, Noir Desir (Nigra dezir'), Happy Drivers,Sheriff, Casse Pieds.
Ekde Noktomezo en la "Venko 2":
-Montpeliera Rok-Nokto.
Dimanĉe la 17an ekde la 10a
Rokbazaro
Ekde la 14a en la koncertejo Venko 2:
Gloro de l' stranga Rok', kun:
-MKB, Being Beauteous, Far, The Grief.
Ekde la 19a en"Rokstore":
Rap el Marso kun:
- IAM, Massilia Sound System.

Raportas Flo kaj Sylvie.




"LA PRINTEMPO DE BOURGES"

Unu el la plej grava Franca festivalo en urbo Bourges (pr: Burĵ') okazos de la 30a de Aprilo ĝis la 5a de Majo 1991.

Tie estas programita amaso da Eùropaj kaj alikontinentaj Rok-bandoj.





# "PERSONE Décembro 1990"

La rokbando PERSONE konsistas nun el tri membroj :
-Martin WIESE, kiu gitaras kaj ĉefkantas
-Bertilo WENNERGREN, kiu drumas kaj kantas
-Anders GROP, kiu basgitaras kaj kantas.






PERSONE estas pure esperanta rokbando ludanta nur originalan materialon kantante ĉiam nur en la internacia.

La materialon de PERSONE verkas ĉefe Martin. Ĝin aranĝas kune la tuta grupo. La repertuaro ege ŝanĝiĝis depost la kasedo "62 MINUTOJ". Fakte eĉ ne unu kanto de tiu albumo estas plu en la repertuaro. Ankaŭ ĝenerale la sono sufiĉe evoluis kaj la stilo unueciĝis.



La nuna varianto de PERSONE prezentis sin unuafoje en KEF3 (kultura Esperanto-Festivalo), kiu okazis en Västeras, Svedio, en majo 1990. Poste PERSONE ludis ankaŭ en la Kvinpinta Semajno Julie en Finnlando.

Aperis intervjuo kun la bando en LITERATURA FOIRO n-ro 126. Kaj en n-ro 8 de la kaseda "gazeto" ESPERANTO SONGAZETO estis PERSONE la muzika gasto kun kvar pecoj el diversaj fazoj de sia kariero, ekde specimeno de la unua prezento en KEF1, ĝis nova kaj ankoraŭ aktuala peco registrita de la nunaj bandanoj en la ekzercejo. Bedaŭrinde ne ĉiuj informoj donitaj en la Songazeto estas tute korektaj, ekzemple pri la diversaj ŝanĝoj de bandanoj.

PERSONE nun preparas sin por registri novan albumon. Verŝajne la grupo mem produktos kaj financos la registradon sed ankaŭ interesiĝas pri kontaktoj kun eldonejoj.



PERSONE estas kontaktebla sub la jenjenaj adresoj:
c/o Wennergren
Västertorpsvägen 154, 1 tr.
S-126 59 Hägersten (Stockholm)
Svedio
Tel: +46-(0)8-88 62 56
c/o Wiese
Bondegatan 58, 3tr.
S-116 33 Stockholm
Svedio
Tel: +46-(0)8-702 18 01

NOVELO



# Vojaĝo EN LA ROK-DIMENSIO



La alian tagon, traserĉante mi ne plu scias kiun revuaĉon, mi trafis ion tute ne atendita! Jes, inter aliaj ĵurnaloj, periodikaĵoj, monataĵoj tie sidis, jes jes, bone aŭskultu min, Rok-Gazet'! Absolute, sendube, neimitebla Rok-gazeto! Miro, kapo skrapado, okulumado, mano levo, fingro tremo, nenio povis tion ŝanĝi kaj ĝia finfina enmanigo ja pruvis al mi ke mi tute ne sonĝis nek estis viktimo de ies ajna ŝerco! La Rok-gazeto ĉiam firme staris antaŭ miaj okuloj...

Aŭ ĉu mi estus viktimo de halucino? Verŝajne ĝi malaperos el mia mano tremanta pro emocio! Kaj miaj metalsonaj stumblantaj dekkvin pistoloj kaj duono certe povos pli restadi en mia alia mano. Tute ne, la kasisto ĝoje akceptis ilin kaj eĉ redonis al mi dudekkvin centavetojn. Moneroj ja utilaj nur por tratrui miajn pantalonpoŝojn! Bah! Feliĉa kiel reĝo, mi forrapidis hejmen kun mia eltrovaĵo.

Tie mi tuj enspruĉis mian preferitan fotelon, rutinkutime kaptis la kontrolskatoleton de mia altfideleca muzikĉeno kaj enŝaltis ĝin. Oh, ve! Tuj miaj oreloj enpleniĝis de fia bruaĵo. La radiostacio kiel kutime elsendis la ĉiutagajn senŝanĝajn novaĵojn: milito en Libano, ne plu da petrolo kaj pli da tŝernobilo, dispremitaj tigroj kaj trafikoj pri katoj, perfidemo en ies nekonata orientamerika ŝtato, ah, teh, hej! jen ja io interesa: iu Charles de Gaulle ĝus decidis enpreni Esperanton kiel oficiala lingvo por sia spionarmeo inter paradiso, purgatorio kaj infero! Finfine fakte tute seninteresa novaĵo: tien mi ja neniel neniam intencas iri. Jes, laŭdire, tie neniam estos ludata rokmuziko!

Kolereme, mi premas alian butoneton kaj transiras al kasedo aŭskultado. En la aparato troviĝas surbendigo de iu sveda grupo. Ĝi startas kie ĝi estis haltinta kaj mi ekaŭdas: "... kaj nun la Tchernobylo ĝus disiris en la radio-o-o..." Stop! sufiĉas kun la novaĵoj. Despli malbone, mi legos mian gazeton sen muziko! Grrr...

Mi enprofundiĝas en la fotelo verŝante al mi grandegan glaseton da drinkaĵo elŝtelita el la kelo de mia juna praavo! Hum! La gluglubrueto de la kristaleca likvaĵo enfluanta la glason, ĝia subtila parfumeto, ĝia sublima alkoholeco tuj ekkvietigas mian menson. Pintlipa ensuĉetado de bona gorĝpleno de tiu ne forgesebla nektaro elfinis la laboron! Nun mi estas plenpreta por malfermi kaj forlegi mian malkovraĵon.

Plenplena je rokmuzikaj novaĵoj, ĝi estas! Famaj nekonatuloj kaj nekonataj famuloj ĝin ĝisrande plenplenigas! Rokemuloj, rokbandoj, rokgrupoj, folkrokaj muzikaĵoj, popolrokaj koncertaĵoj, kongresaj rokmuzikaj travivaĵoj, plej rokaj traviglaĵoj kaj rokpublika entuziasmo...

Kaj tio, el ĉiuj anguloj de nia ronda grandega terglobeto! Miraklo, eĉ trans forfalinta muro rokmuziko eksonas, dum ĝis nun ĝi ĉefe usonis! Eĉ inoj kaj ja panoj ankaŭ rokludas! Mi tuj iru ĉe mia bakisto aĉeti paron da bele rondaj, varme teneraj bulkoj!

Gitaroj, drumoj, saksofonoj, trumpetoj, sinteziloj, drumstangetoj, tamburoj, drumstangoj, tamtamoj, drumbastonoj, lambastonoj, ambastonoj, ambaŭ ŝtonoj, Ruliĝantaj Ŝtonoj, Batblatoj, batplatoj, cimbaloj, sonoriloj, Kiuoj, Profunda Purpuro kaj purpura pluvo laŭlonge de la gvatturoj prince klaksonas min! Kian bonegan fortan rokmiksaĵon, tondran suprenspruĉan eliksiron ili ja enfaldis tie ĉi!

Kaj tien kaj reen, deliraĵoj el fama beata almozulo finplenigis paĝojn jam preterrandiĝantaj! Raportoj pri rok-asocioj kiel tiu mondfame mistera "EUROKKA" pri kiu ĉiuj paroladas sed pri kiu neniu scias eĉ ne ion ajn... Eĉ ne, se ĝi nur efektive ekzistas! Tamen! La artikolo asertas pri ĝiaj eco, aktiveco kaj efiko. Kaj enhavas la adreson! Bone, kvardimensia vilaĝeto, perdita en kampara vastegeco kun monde konata mistike sekreta nometo: Donneville! Ĉu? Kiel do povus ekzisti tiel stranga urbeto? Sed kial do ne povus esti?

Plej simple, mi iru mem vidi! Mi dumane firme elprenas miajn piedojn, enŝuigas mian kuraĝon, enpoŝigas mian kur aĝon kaj enkrurigas miajn manojn! Surkapas la hundon, fajfas la ĉapelon kaj ek, for! Minuton! Trueto en mia stomak' plorpetas je miaj kalkanumoj! Node kravatas mi mustardon inter ambaŭ panbulkoj, elfriduje kaptas kokakolan biersuĉilon kaj ekas ĝuante sandviĉan manĝon kaj blaze ŝaumoplenan trinkaĵon. Jen ja manĝo de rokemulo! Mankas nur la banano! Mia kombisto ne laboras dimanĉe, mi do aĉetas unu ĉe fruktovendisto en la vendejo!

Piedo post piedo, paŝo post paŝo, perdiĝo post retroviĝo, kompaso kaj magneto, mapo kaj krajono, faldo en la poŝo, poŝo post poŝo, mano post mano, kanalo, ponto, kanalo, vojo post vojo, vagado kaj serĉado, demandoj senrespondaj, seneliraj nepasejoj, centpasaj senpaŝaj elŝirejoj, reloj post reloj, veloj post veloj, eluzitaj plandumoj post novaj "santiagoj", ŝvito plena, polvokovrita, finfine mi alvenas, havenas kaj trovas:

Eurokka, mi trovis! Ĝi ekzistoplenas! Fajraj literoj sur elektre blua silklituka ĉielo sendube tion klare anoncas al mi... Jen mi atingis la celon. Ĝi tie ĉi staras antaŭ mi. Sub la brilega nomego ete skribiĝas per flagretantaj lumetoj: "Esperanto-Rok-Asocio". Ankoraŭ sube, senrealeca muro enkarcerigas stretan, mallarĝan pordeton kiu senstrebe elenlasas homamasan fluon. Ĉu vere?

Eble jes, eble ne! Eble simpla iluzio por alkapti gapantojn? Eble jes, eble ne! Persone, tute ne gravas, tio estas bela ĉar mi amas ĝin kaj ne pentas ke mi ne militservis! Mi nur venas por ample efiki!

Ah, Rokmuziko! Nur atendu min, mi enpuŝas la pordon kaj alkuras!

Stuporo! Mi stupore stuporas, ŝtupo post ŝtupo, enprofundiĝante en la stupra malvirgiĝo de miaj surŝutitaj oreloj! Jam ili eksangas! Mi returniĝas por tuj reeliri, almenaŭ la tempon iom alkutimiĝi al tiu decibelorgio! Plia stuporo, la stretlarĝa, malkarcerigita pordeto flugfale malaperis! Ŝtupoj kaj ŝtuparoj pare malis, malŝtupiĝis, elŝtupariĝis, senpariĝis, platiĝis kaj platigas min en tiu ruza kaptilo kontraŭ svenantaj muroj. Samtempe malŝtopiĝis miaj traboritaj oreloj! La ĉi supra malvigliĝo de la bruado progresive tralasas lokegiĝantan loketon al strebe ŝvebanta, vigla, ritma, skurĝa, urĝa, bormaŝina, traborista betona rok-muziko!

Tiam la nokt' bruligas Rok-Stelomeĉojn, luman trompon skermas el si, satiroj kluĉas sur la vid' arpeĝojn, piroteknikaĵojn, lumŝildojn, lumskalojn, skalenojn fulme flaŝflagraj spegulas elspruĉe bunte puntajn ĉielarkojn.

El la fundo, alvenas furioze varmaj, tranĉe klaĉaj, klake tranĉaj martelpikitaj roksonoj, raspe glitante laŭlonge de du senfinaj orreloj kiel vivtrajno sturme dancanta tra miaj oreloj strebe al timpanoj. Post finfina agnosko mi rekonas la svarme raspantajn taŭzojn de la Feka

Formikulo kun la streĉaj trudsonoj true bruaj de siaj trebonenomitaj orelboristoj. Du gigantaj korktiriloj enŝraubas sin tra pavilonoj, trutamburas timpanojn, albatas martelojn, disrompas embosojn, transtordas piedingojn, elŝraŭbas helikojn por senprokraste interŝraubiĝi rekte en mia cerbo, trastrekante labirintajn meandrojn... Kaj tion ili senhonte kuraĝas nomi muziko! Se mi ne plenmane provus elŝiri tiujn orelborilojn de mia kapo, mi skurĝus ilin!

Tamen ne malesperu mi! Eurokka certe estas multe pli granda enestaĵo ol tiu bruaĉa loko! Traplafonante la plankon, se iel estis planko, mi tuj retroviĝas en alia spacejloko kie jam pli agrabla rokmuziko ektrafas miajn jam damaĝitajn oreletojn. Sidanta sur kajto mi traflugas ĝin kiel sur magia tapiŝo por fine elmergi en pli kvietan spaceton kie ia barbulo ĉirkaŭita de pluraj belecoj kante plorplendas ke li ja ne volas ellitiĝi por fine kontraŭstari energie ke li tute ne deziras enlitiĝi. Laŭ mi ni verŝajne ŝuldus tion al la relative tempospaca loko de la ĉirkaŭantaj belegaj inoj! Se tio efektive estas kiel mi tion pensas, mi tute plenkomprenas liajn dezirojn... Sed miaj proponoj ne estas ŝoki la legantaron etendiĝante pli longe en tia rekta situacio...

Ne ne, mia celo estas nur ĝuigi vin pri eta peceto de rokemula vivo! Do mi ja trarajdas mem, rajdas mem, rajdas mem al alia salono kie multo da barbuloj traskrapas banĝojn, gitarojn, kontrabason kaj trablovas harmonikojn.
Sed tio ĉi ankaŭ ne vere estas rokmuziko!

Mi do tujege transsuĉas min al alia ĉambrego kie luliĝas multnombraj lulilo]. Ha jes, jes ja, plezurpleno! Aah, ja, jen fine vera rokmuziko! En ĉiu lulilo luludas kaj lulĝuas luliĝanta ĉarma bebeto! Jes ja ĉiu el ili lulĝuas luludante sian prefiritan muzikilon, ĉu gitaron, ĉu basgitaron aŭ drumon. Gitaroj gitare gitaras. Drumo ritme vibras. Basgitaro base tondras. La basgitaristo, kies visaĝo ŝajnas al mi iel fame nekonata, enbuŝigas iun strangan metalan suĉilon tra kiu li lasas elspruĉi melodiajn esperanto-rok-kantojn. Kaj daŭre la luliloj senstrebe laŭritme balanciĝas.

Sed dum la lasta akordo de la nun finiĝanta kanto eksonas, el la sceneja fundo elŝiras sin granda virino! Rozmaria! Jes mi tuj rekonis ŝin! Ŝi tuj alkaptas la lulilplenon kaj ameme alflustras ĝin:

" Miaj karaj beboj, dormtempo jam alvenis! " Tion dirinte ŝi estingas lumojn kaj ekzumas lulkanton. Tuj mi eksentas la karan Morfeon min enlaĉi en siaj dolĉe teneraj brakoj! Hola ho, karulin', mi ĉi tien venis por nek ripozi nek dormi, lasu min iri, mi ankoraŭ havas multon por vidi kaj aŭskulti!

Kaj lumrapide mi elsendas min al salonon kie tute persone mi sentas min tute plene pli vigle veka. Jen io kion mi jam multfoje ĝuaŭdis kaj koinside mia alveno plej ĝuste trafas tiun Nostradaman sensignifan frazeton: "... kaj nun la Ĉernobil'o ĝus disiris en la radio-o-o..."

Jes jes, jes jes! Kaj serĉante plej taŭgan lokon por plenĝui la spektaklon, mi ekstumblas sur granda metalpeco kiu tiel altiras mian atenton, ke mi senpene identas ĝin kiel bolto. Sufiĉe granda bolto por stumbligi min, sed tamen sufiĉe eta por povi elmanki el la cerbo el unu el tiuj teknokratoj al kiuj aludas la aŭskultata muzikaĵo! Unu el tiuj vilaj teknokrataĉoj al kiuj ni ŝuldegas la plenĝuon de Harisburgoj, Ĉernobiloj, Kernomiloj, Kernomilitoj, Hiroŝimoj, Mondŝimoj, Mondŝlimoj kaj aliaj Malviloj aŭ Golfeŝoj! Mi forgesintis aliajn agrablaĵojn kiel ozontruoj, fridaj aŭ malvarmaj, varmaj aŭ fuzaj militoj, mondmilitoj kaj genocidoj. Jen la demando: tEKNOKRATO, ĉu estas vi adolto, ĉu estas via bolto? (subpensite: kiu mankas en via kapeto por subteni viajn klapetojn!)

Sed, dum mia encerba pripensado, jam ekkomensis la preĝo por pentado far de la senkuraĝaj militservantoj: kiel do ili povis agnoski tian hontindaĵon: prilerni kiel plej rapide multnombre murdi fratojn! Persone, la sursceneja trio tion ne akceptis kaj mi plenĝoje kuniĝas al ili. Sincere mi ja ne pentas ke mi ne militservis.

Dezirante plej multon travidi kaj priaŭskulti, mi translacias min aliloken. Ho ve! Kia veksaĵo: senhonte du knabinoj sursceneje kantante proklamas ke ili ne amas min! Stuporo! Ofendo! Kolero! Sed jen, pli aŭskultante mi tuj kvietiĝas kaj ekkomprenas kial mi estas tiom bela kaj kial ĉiumatene mia kara spegulo resendas al mi ankoraŭ pli agrable belan vizaĝon ol tiu de la antaŭtago!

Kaj tiel plue mi vage vagadas, sencele iradas tra la multdimensia rokmuzika esteco de Eurokka! Mi transkrucas profesian slovakan grupon kiu reklamas por rara varo kiun ili travendas! Sed ĝi ja ne uzeblas tie ĉi! Efektive temas pri koncervskatoloj de... silento!
Finfine, labirintvenkinte, mi elkovras malplenan scenejon! Tuja decido! Nun mi kantos! Nun mi rokmuzikos! Nun ĉarmos orelmilojn da estintaj, estantaj kaj estontaj esperantistoj kaj rokemuloj, kaj eĉ esperantistaj rokemuloj! Nun granda muzikeco min plensentas. Nun ŝi ame kaj ĥore alvenas... Nun, muzika magio, sintezilaj miloj eksonas sed, oh ve! mi ne pretas. Nun ne sekvas min. Nun ne ekzistoplenas. Bedaŭrinde karaj samideanoj! Nun estos pli poste! Sed ne timu. Nun certe iam venos...

Tuj mi forlasu tiun rokmuzikan antron kaj eliru aŭskulti la birdetojn, la glate brilan flugeton de la buntaj papilioj, la ĉarman zumadon floralfora de abelmiloj bakantaj nektarsukan mielon! Kaj ĉifoje, senpene mi tuj eltrovas la eliro dimension. Grandoplena pordego draste dispremas stretetajn muretojn kie brile flagrete surskribiĝas surskriba plensignifa jeno: "SENPAGA ELIREJO"!

Senhezite mi malantaŭlasas la pordegon sen ia ajna speco de returniĝo: mi ja tro memoras pri la malfeliĉa reveno el inferoj de Orfeo kun sia karulino... Mi tre malŝategus tian nunan konkludon!

Kaj nun, al mi la fajfe ĝojaj kantetoj de la birdetoj, la flate brila nubflugeto de la buntaj papilimiloj, la ĉarma zuma floralflorado de abelmiloj amfarantaj nektarsukan mielon!

Stupor mila stuporaĉe stuporanta ŝtonfariga stuporo! Kvinlitero! Skorzonero! Skorzono! Skorzonego! Zonego da skoraĉaĵoj! Kia fia fiaĵaĉo! Nenia nenieco el tiu ĉi paradiza sonĝobela revo! Jes revenante en la normalan dimension mi nur refalis en la forgesita kaptilego de la ĉiutaga realaĵo! Nur tondra bruegaĉo de furiozaj aŭtomobiloj, de tremegbruadaj kamionegoj kaj de trarelantaj trajnolongoj kiu sturme alsaltas miajn sentemajn orelojn pere de svarma fia vigleco.

Sed mi rapide konstatas mian eraregon. Tio ĉi ja nur estas la kutima silentego de nia moderna civilizacio. Mi tion tuj ekkonscias kiam monstre fuza decibelado de unu nura ĉasaviadilo trapafas min! Mortonte stumblanta mi teren altremas. Samtempe strida policista fajfado ordone kriblekaĉas al mia mistraktita cerbo:" Iru do, forvoju tuj, nenio videblas tie ĉi!"

Sen responde, mi tuj forkuras nur unucele: plej rapide retrovi tiun mirindan, revoplenan, rokmuzikoplenan, stretan pordeton kiu, mi nun ja scias, ekzistoplenas! Tie fajraj literoj sur elektre blua silklittuka ĉielo sendube tion klare anoncos: EUROKKA! Mian ree tujan celon. Ĝi tie ĉi staros antaŭ mi kaj sub la brilega nomego ete skribiĝos per flagretantaj lumetoj: "Esperanto-Rok-Asocio".

Preĝegu por mi: se mi ne baldaŭ ŝin retrovos, mi formortos!

Rokmuziko, kie ajn estu vi, atendu min, mi alkuras!

(marto 90) Bertrando ALBAULT

# kajto

(Esperanto - Folkmuziko)




De 1986 sukcesa kunlaborado estiĝis inter Nanne KALMA Marita KRUIJSUIJK , Ankie VAN DER MEER kaj Marian NESSE.

Marita kaj Marian studis muziksciencojn en Amsterdamo kaj de 1976 ili estas membroj de la muzikgrupo " De Perelaar " (pirarbo) kiu ludas malnovajn nederlandajn popolmuzikon kaj dancojn.

- Marian ( 20/10/57) gvidis muzikgrupon kiu ludis nederlandan popolmuzikon en Germanio de 1981 ĝis 1983.
- Marita (07/09/46) ludis gravan rolon en la efektiviĝo de la unuaj 4 diskoj de "De Perelaar" kaj la disko de la ĉefa Nederlanda Dancgrupo.
- Nanne ( 15/10/49) estas gitarinstruisto en la muziklernejo de Drachten.

De 1975 li estis la "La Forto" malantaŭe de la konata frisa popolgrupo "JROLT".
Kun "JROLT" li registris 7 diskojn por kiuj li komponis la muzikon. Pro sia "korinklino" al malnova velado (tradiciaj velŝipoj),li konas multajn kantojn rilate al la maro, velado, ktp... Krome,Nanne ludas en la folkbando "Kat yn't seil".






- Ankie (07/04/59),intruistino en la franca kaj angla lingvoj, ludis kaj kantis en diversaj folkgrupoj (popolgrupoj) kaj estis,de 1983, unu el ambaŭ kantistinoj de "JROLT" (ĉi tiu muzikbando ĉesis en 1986). Pro ŝia granda intereso pri lingvoj, en ŝi kreskis la ideon enmuzikigi originale en esperanto verkitajn poemojn.

KAJTO ,jam fama en esperantio koncertis en Germanio, Francio, Pollando Skotlando, Ĉeĥoslovakio, Nederlando, Anglio kaj en la universala kongreso de Brajtono. KAJTO eldonis kasedon kaj kompakt-diskon tre bonkvalitajn.

Ĉi jare, KAJTO koncertos dum franca turneeto fine de marto, komence de aprilo. Jen la kalendaro:
- la 31an de marto 91 -
Koncerto en la kongreso de SAT-Amikaro en Amboise.
- la 2an de aprilo 91 -
Koncerto en Tuluzo.
- la 3an de aprilo 91 -
Koncerto en Laroque d'Olmes.
- la 4an de aprilo 91 -
Koncerto en Montpellier.
- la 5an de aprilo 91 -
Koncerto en Limoges.
Por pliaj informoj pri tiu turneo de KAJTO - kontaktu EUROKKA -

# TUTE NE GRAVAS

*Aùskultante kantojn de "Persone" oni jen kaj jen aùdas ian licencon kaj oni ne miras (ili estas nia plej literatura rok-bando, ĉu ne ?). Poste oni aùdas, ke eĉ "Kajto" miskantas "reptilo" anstataù la ĝusta "reptilio" (verŝajne ili ne rigardis en sia SAT-vortaro). Oni komencas grumbli, kiam la pionira "Amplifiki", en la kanto "Estas tiel", faras el la verso "diablo estas diablo" (metrike v-v -v v-v) ian neesperantan "djabloes' tasdjablo'" (vv- vv-) kiun neniu normala movadano povas senti natura.*

*Bedaùrinde la kanto "En Indiani'" de La Rozmariaj Beboj meritas multe pli fortan skoldon. Agrabla kaj entuziasmige surprizis min ilia disketa debuto : vigla kaj sprita kovrila foto, same vigla kaj sprita muziko kun profesia sonkvalito, la eventuale tri plej brilaj versoj de nia originala rokmuziko (En Indiani'/ oni ne sonĝas plu/pri Amerik')...*

*Sed "La Rozmariaj Beboj" Kantas tiun kanton ne en Esperanto, sed en la franca plus o-finaĵoj. Por kanti en bona Esperanto necesas paroli ĉi lingvontre bone. Se ne, oni aplikas al Esperanto la kantregulojn de aliaj lingvoj, kio rimarkeblas ankaù, sed malpli skandale, en la kasedo de "Team'".*

*Ni iru al la afero. Jen fragmento el "En Indiani'":*

*La lastaj tribuanoj*
*Perditaj infanoj*
*En urbego malbenat'*
*Intermortiĝas sur la strat'*

*Kion ni vidas ? Misortografiaĵon ("tribuano" devas esti "tribano", el "tribo"), apostrofigon de la a-finaĵo ("en urbego malbenat'" signifas verŝajne "en malbenata urbego") kaj ne tre laùgramatikan verboformon ("intermortiĝas" povus iĝi "intermortigas", "intermurdas", "interbuĉas" ktp). Jen nova versio :*

*La lastaj tribanoj*
*Perditaj infanoj*
*En damna urbopart'*
*Interbuĉas sur la strat'*

*Simile, "irante kun merit'" devus esti "iranta kun merit'"; "kontraù vizaĝo pal'" devus esti "kontraù palvizaĝul'"ktp. Indus ŝanĝi aù iel klarigi nekompreneblajn vortojn ("papuz'", "saŝem'") kaj esprimojn (ekzemple la malgramatikan kaj adasisman "plenplenaj d'akvo de fajro", kiun oni povus konsideri indianimita licenco).*

*Resume, oni devus reverki la tutan kanton.*

*Ĉar bonan kanton konsistigas bonaj teksto kaj muziko.*

*Georgo KAMAĈO*





## Salita noto responde kaj respondece!

Kara Georgo, ni kore dankas vin por via partopreno, sed vi mem rimarkis ke via plumo akras! Certe eblas ke vi mildigu ĝin, precipe parolante pri novaj esperantistoj, kies varbado ĉiam kostas multan ŝviton al militantaj samideanoj.

Mi komencos aludante vian eseon ankaŭ aperinta en Monato de aŭgusto 1990: vi efektive ja ne fakas pri muziko entute, kaj verŝajne ankoraŭ malpli pri Rok-muziko, se ne, vi ne skribus "la nivelo de la muziko... preskaŭ atingas profesian kvaliton...", parolante pri Team kiu efektive ĝis nun kontentiĝas kanti en Eo, sed estas profesia Rokbando plej fame konata en Ĉeĥoslovakio (vidu koncernan artikolon p22 ).

Ni enbatu l'aferon dum ĝi varmas: pri Rozmariaj Beboj vi agnoskas nur muzikan elstaron, taksante ilin pri lingva fuŝo! Se ĉiuj komencantoj tiom fuŝas la lingvon, neniu plu komencu lerni ĝin!!! Ni dorlote onanismu per nia rigorpuritane perfekta stilo kaj forvelku el la mondo... Pri via pretendo de "o" aldonado al franca teksto, mi faros nur unu demandon: ĉu vi vere konas Franclingvon?

Ni nun envenu vian ĉi supran artikolon. Parolante pri Persone, vi ne miras pri ia licenco sed, kiam temas pri la Beboj, vi feroce akuzas pri fuŝo, kvankam vi ne koncervis tie ĉi tiun radikon el via eseo! Mi fakte konstatas, ke la ĉi lasta pleje entrudiĝis en mia memoro, relegante vian kontribuajon, kie via skribo jam multe malakriĝis kaj fariĝis nur multe pli forta skoldo.

Mi tute ne agordu mian voĉon al via kiam temas pri kantreguloj: ili tute ne devas dependi de iu ajn parollingvajo (aĉo) sed ja de la muziko mem kiu, ĉiuj muzikistoj tion scias, estas la plej malfacile lernebla lingvajo kiam oni vere deziras ĝin majstri.

Kaj kion pensi pri vortaro kie troviĝas totemo, tomahoko, kalumeto kaj vigvamo sed nek saŝemo nek skvao nek papuzo?

Ĉu nia lingvo konsiderus ke indianoj malaperis kaj ke postrestas nur iliaj ajoj?

Mi certe ne kapablas malpravigi kvinoblan premiiton je lasta Belarta Konkurso rilate al efektivaj misortografiajoj (kvankam fiajoj ili ja ne estas), nek pri misregulajoj. Persone, mi ne konas la regulojn kaj ilin prizorgas samkiel miajn unuajn pugvestojn! Far de komencantaj esperantistoj, tute ne gravas, kaj plie montros al kontraŭuloj kiom rapide, rilate aliajnajn lingvojn, eblas perfektiĝi! Por bildigi mi permesos min citi Z: Ju malpli ni okupos niajn kapojn per diversaj "pliboniĝoj" kaj des pli ni simple propagandos la lingvon, des pli bone estos.

Fakte, konsiderante la nunan "grandegan" kvanton da esperantistaj rok-muzikistoj, necesas priatendi ankoraŭ multe pli da tiaj misajoj! Ni estas ankoraŭ nun tro malmultaj por povi eĉ nur pensi pri korektado, ne enkalkulante la propran fierecon de la verkantoj...

Tamen ni provos estonte tion fari, kvankam estas plezurige senti sin rimarkata, eĉ se nur far negativaj kritikoj. Sed bone notu nian preferon al pozitivaj gratuloj! Hej, uloj havantaj ion por diri, elprenu viajn plej belajn plumojn el plenaj inkujoj kaj ekskribu!

Georgo, kaj aliaj, kiel ajna iĝos la sekvo, mi dankas kaj antaŭdankas vin por viaj kontribuoj al bona funkcio de plej atendata Rok'Gazet'.

La ĉefredaktoro



## KASEDOJ, DISKOJ, KTP,

### Pri tekstoj

Multaj skribas petante tekstojn de kasedoj eĉ ofte koncilante ilin eldoni! Jen gravega problemo: efektive la tekstoj jam estas eldonitaj kaj disvenditaj ene de ĉiu originala produktajo:
Se vi deziras havi la tekstojn aŭ posedi plej bonajn surbendigojn (aŭ ambaŭ!) nepre zorgu aĉeti al taŭgaj servoj, ekzemple mendante ilin rekte ĉe Eurokka...

## KAMPADO 91 &

Finfine io okazos en Svislando! La junaj Esperantistoj en Alamanio denove ion entreprenas kaj tuj tre grandan aferon: Tuj post la 47-a IJK (20a ĝis 26a de julio en Karlskoga, Svedio) JES kune kun "Rainbow Info Coordination" invitas al naŭtaga internacia tendaro(fakte ne pure E-a sed miksita kaj en plia kunorganizo kun Amnestio Internacia, Verda Paco, La Movado, Baha-anoj, Junularo por Unuigita Mondo ktp.). Nepre Gravas, ke plej eble multaj E-Muzikistoj, E-Muzikgrupoj, E-teatroj kaj E-artistoj partoprenu!

Ankaŭ bezonatos tradukistoj kapablaj traduki el Esperanto al la angla, hispana kaj franca lingvoj. Krome necesos E-o instruistoj. Fakte tiu grandioza festivalo ne estas komerca afero kaj kostojn nur kovros vendado de butonoj!

Ĝi okazos verŝajne sur la monto etliberg, kaj la loko, per montara fervojo de Zuriko, facile atingeblas.

Ni atendas vin multnombraj!

Didi WEIDMANN,
vicprezidanto de JES



# EUROKKA malkovras novan KREDOn

Sovetiaj E-Rok-grupoj ŝajne multobliĝas, kvankam iliaj vivkondiĉoj tre malfavoras. Pri tiu temo mi lasu la parolon al nia amiko Oleg el Ribinsk:

Ĉu E-Rok-Muziko devas Sovetunion REVOLUCII?

## RAKONTO EL RIBINSK

Ja ni perdis ĉion por havi ŝancon prepari nian albumon... Bedaŭrinde en nia lando ankoraŭ nun preskaŭ tute ne eblas ludi seriozan muzikon pro diversaj kaŭzoj:

Unue - manko de muzikilaro propra kaj altnivela, pro sovaĝaj kostoj kaj deficito.

Due - sufiĉe multaj organizoj kaj entreprenoj posedas pli malpli taŭgan muzikilaron, sed disponigas ĝin nur al tiuj bandoj, kiuj ludos por dancoj kaj distraj aranĝoj.

Trie - tre malalta ĝenerala kulturnivelo de nia junularo, kiu ĵus apostatis komunisman ideologion, sed ankoraŭ ne perceptis almenaŭ la plej grandan heredaĵon de la monda kulturo (kaj same tio koncernas ankaŭ rok-kulturon).

Kaj Kvare - landaj amasinformiloj ne strebas ovradi novajn rokbandojn por junularo, konstante altrudante nur "komercan" muzikon.

En tia etoso, Kredo ekaperis en 1982, kvante de kvar personoj, el kiuj tri restis ĝis nun. Sergej Kukin(gitaro, voĉo, muziko), Andreo Taŝlikov(basgitaro) kaj Oleg Svirskij, mi mem,(drumo, violono, E-tekstoj). Tiel okazis ke la loko ĉe klavar-muzikiloj preskaŭ ĉiam vakis (homoj okupis ĝin unu post la alia, sed neniu efektive al-Kred-iĝis) kaj por la albumo asistis nin Tanjo Kukin, la edzino de Sergej. En 1982, estante studentoj el diversaj institutoj, decidis provi ludi propran muzikon. Por ekdisponi muzikilaron ni devis priservi dancejojn. Memkompreneble, la kompromiso postulis okupiĝi plejparte pri danca muziko anstataŭ komponi seriozan.

Tiutempe nin tre influis la famaj rokbandoj Kansas, Genesis kaj precipe Yes, kies muziko maturigis nin kaj formis la elekton de la sama stilo. Samtempe, nio ofte konfliktis kun majstroj de muzikilaroj ĉar la dancpriservo jam naŭzas nin kaj ni volis plene enprofundiĝi en nian komponadon.

Tiel ni ŝanĝis de patronoj post ĉiu nova konflikto. Tamen la lasta patrona entrepreno estis la plej tolerema: pasintan jaron(ndlr:89), ni eĉ unu fojon ne ludis por dancoj. Tio permesis al ni sufiĉe multe labori super nia albumo kaj ĝi finfine aperis malnete kiam kutima nekompreno "de supre" denove senigis nin je ludebleco.

Tio okazis samtempe kiel ricevo de via letero, kaj ni, esperintaj je prokrasto de la konflikto ĝis somero, ne sukcesis surbendigi la albumon nete.

Fakte, pripensante la aferon, mia lasta impreso estus ke tion kion vi prezentas kiel malavantaĝo, fakte povus esti interesa avantaĝo: almenaŭ en Francio, tiu ebleco disponi pri kompleta muzikilaro eĉ malbonk valita, servludante por dancigi homojn ne ekzistas. Male se vi deziras muziki por dancoj aŭ distraj aranĝoj vi devas jam disponi pri taŭga muzikilaro! Kaj ankaŭ ĉi tie muzikiloj kostas multon. Kaj restas la zorgo trovi kaj lupagi taŭgan ekzercejon.

Sed mi ne havas ĉiujn informoj por povi prijuĝi: ekzemple kiom povas atingi "sovaĝaj prezoj" rilate al viaj "deficitaj" salajroj? Kiom da tempo por ekzercado super viaj propraj komponaĵoj efektive lasas al vi dancmuzikservado?

Ĉiuokaze, tiuj kondiĉoj ŝajnas multe pli drastaj kaj nekonvenaj laŭ viaj leteroj ol laŭ via priskribo de la faktoj mem kaj laŭ la kuraĝigaj rezultoj kiuj nete aperas malgraŭ la malbonkvalita surbendigo kiu nur malhelpas ajnan ekspluatadon de via laboro.

**O.S.**



**En venonta numero Andreo ORLOV parolos pri alia sovetia rokgrupo, nome ALIBI, kiu devus, jam nun, ekkanti Esperante...**

ESPERANTO, BONA LINGVO POR ROK-MUZIKO!

**Kiel ni venis al Esperanto tekstoj?**

**Verdire, inter ni, nur mi estis vera Esperantisto. Mi eklernis la lingvon en 1982, poste iĝis individua membro de UEA kaj, de du lastaj jaroj, gvidas E-klubon en Ribinsk.**

**Kiam ni estis komponontaj nian albumon, evidentiĝis, ke ruslingvaj tekstoj ne kontentigas nin. Strange, sed fakte! Tio rezultiĝis el nia stilo, kiu postulis ian alian lingvajon.**

**Nu, vi eble jam konjektis, ke tiam mi ofertis Esperanton? Ironion de miaj sam-Kred-anoj, venkis la teksto de "Cel". Post kio la problemo de kantlingvo estis solvita.**

**Tiel ni elektis kanti Esperante kaj opinias ĝin konvena al nia stilo kaj, ekde tiam, miaj sambandanoj eklernis la lingvon.**

**Oleg SVIRSKIJ**

*Kial tiom malmulte da homoj volas finfine kompreni tion? Mi ne diros pli pri tiu temo ĉar tiu demando estas en si mem tuta programo!*

*Mi lasos la parolpovon al Flo, kiu klare esprimas sian opinion rilate al Kredo:*




- Ni delonge ne aŭskultis tian Rokmuzikon, oni tre aŭskultis ĝin dum la 70aj jaroj, kaj nuntempe ĝi estas eksmoda, tamen estas kelkaj Rokbandoj kiuj daŭre ludas tian Art-Rok-Muzikon sed ili akrigis ĝin per pli metalroka sono.

Verŝajne Rokmuziko pli rapide evoluis en Okcidento ol en Oriento pro politikaj kialoj.

Nuntempe, la publiko ŝatas pli metalrokan stilon aŭ pli Rokribelan(Punk'-muziko) aŭ male, por alia publiko*(NDLR: plej nombra kaj ajneca)*, pli melodia *(NDLR:aŭ komerca!)*, ekz Team'.

Ankaŭ ŝajnas al ni la daŭro de la pecoj tro longa.

. La Muzikistoj bone ludas kaj la kanto bone taŭgas kvankam ne ĉion kompreneblas, la tekstoj estas interesaj kaj poeziaj, sed kial tiom paroli pri Dio Kaj Diablo? Ĉu "Kredo" kredas?

Oni aŭdas ke la bando sufiĉe bone laboras ĉar estas tre bonaj kombinaĵoj, harmonias la voĉoj kaj muzikoj.

Pri la sonkvalito, gravas ke vi sukcesu surbendigi en profesia studio por havi kiel eble plej taŭgan altkvaliton por produktado de kasedo aŭ disko, jes tio multekostas sed gravas ke la materialo eldonita estu bonkvalita!

Parolante plurale Flo ne prenas sin por la reĝo sed nur pli malpli parolas nome de ia parto de EUROKKA skipo. Certe ne de la mia!

Mia disko kolekto ĉiam enhavas albumojn de Yes(ekz Yesterdays) kaj mia persona eklektismo permesas al mi daŭre ĝui ilian aŭskultadon, kvankam ju pli malofta, des pli la tempo pasas. Ankoraŭ okazas ke elsendiĝu tia Art-Rok-Muziko, mi nete priatentis tion tute lasttempe, jam pripensante kiel skribi tiun-ĉi artikolon. Tio okazis precize sur radio FMR, kie Flo flas siajn elsendojn pri Esperanto, je multaŭskulta horo.

Aliflanke, mi ne scias ĉu eblas juĝi pri rokmuzika evoluo en Oriento laŭ gustoj de la Kredanoj!

Pri la gustoj de la publikamaso, pridiskutendas kun la amaskomunikiloj kiuj grandparte prirespondecas!

Laŭ mi la pecoj ne tro longas, nur mankas iom pli viglaj ritmrompoj aŭ "piedprenaj" elstaroj (heroaĵoj kie la muzikisto plenesprimas sin kaj vigligas la atenton de aŭskultantaro).

Plimulto el la esperantistaro havas jenan miskomprenon pri muziko: ili volus ĝin nur sonora fono por prezenti perfektajn E-kesttojn(!)(mi ankaŭ formetus alian "To" iom pli frue por bone montri mian malaprobon!) kiuj perfekte(same!) kompreneblus eĉ se fuŝantaj ĝis la muziksenton! Fakte kiom povas gravi ke tekstoj ne kompreniĝu je unua fojo, precipe kiam kasedoj kaj diskoj vendiĝas kune?

Flo, ĉu eblas ke mi faru al vi etan demandon? Kial la vorto dio kiu kaŝiĝas apenaŭ tri foje en la longa teksto de "Sizifa konfeso" kaj la vorto diabla kiu apostrofas la senfine refalantan ŝtonon kiu estas la postmorta puno de la reĝo Sizifo, kial do tiuj du vortetoj tiom alsaltis vian memoron? Dum ili tute normalas en tia mitologia afero kaj ilia uzo senrilatas kun ia kredo de "Kredo". Eĉ se en alia peco troveblas: "Dio havis pipon kaj lipharojn..." !

Mi dirus ke Kredo pli interesiĝas pri mitologio ol pri religio. Oleg, ĉu mi eraras?

Pri la cetero mi povas aldoni ke Art-Rok-Muziko estas plej malfacila por ludi kaj tial rezultoj estas tiom multe pli promesoplenaj, ĉar Kredo ŝajnas ludi tion samfacile kiom ajna dunota kanteto.

Por konkludi mi esperas ke Kredo trovos rimedojn por kvalite surbendigi sian albumon kaj ke tiam estos eblo ĝin eldoni. Mi kredas ke tia espero ne vanas, ĉar tiu albumo certe interesos sferojn kiuj estimas sin netuŝeblaj de Rokbandoj kiel Amplifiki, Rozmariaj Beboj aŭ Team'.

**Flo**

# Vladimir SOROKA





Fama kantisto aperis kiel ardanta stelo super nia movada ĉielo komence de la okdekaj jaroj kaj levis nian kantoarton ĝis neimagebla nivelo.

"Karteta dometo", "Komencantoj", "Mia kara amik'", "Destin'", "Ni renkontiĝos" kaj pluraj aliaj ĝis nun amataj kantoj...

Kiam li kaj lia poltava ensemblounuafoje aperis en Jurmala SEJT, multaj miris, kiel tiuj novuloj intencas okupi tutan koncerttempon... kaj mem iom poste, per aplaŭdegoj, petis ankoraŭ, ankoraŭ... !

Dank al lia ekzemplo ekbrilis en nia lando plejado da novaj talentoj, koncentriĝante ĉirkaŭ li.

En 1985 la "sorokanoj" ekloĝis en Neĉiporivka, apud Kievo, en netrahejtebla, humida domo, kie vivo malfacilis... Ilin prifieris kaj enviis ĉiuj junaj E-aktivuloj tra la lando.

La grupo kulminis en 1986, kun brila prezentiĝo en okSEJT. "Velura sezono". Esperantistoj plezurploris aŭskultante ilin.

Interalie pro malsaniĝoj, ili transloĝiĝis iu al Riga, iu al Tartu, aliaj al Jalta. De tiam, oni aŭdis pri la grupo ĉefe nur lige kun la "disko"; obskura, malklarega afero! Centoj kaj centoj antaŭpagis por la disko: kolektiĝis ĉirkaŭ dekmil rublojn! Dum jaroj ni aŭdis pri giganta laboro: ducent studiajn horjon! La disko ne aperis ĝis... *(kiam la aŭtoro verkis la artikolon! NDLR: vidu p28 nian reklamon)*

Intertempe, Soroka plene transloĝiĝis al Moskvo. Li ofte veturus eksterlanden al E-aranĝoj kaj aperus en enlandaj internaciaj E-renkontiĝoj... Tamen en la reehoj oni lin ne mencias, oni mencias kaj admiras novan stelon: Jomart Amzejev [vidu 1)6 ].

Pasis nemultaj jaroj. La iama ardanta stelo ne plu varmigas nin. Li loĝus nun en Stokholmo, laŭ konstante plilongigata privata invito. Laŭ rumoroj (oni tion diras, sed ni ne kredas!), li muzikus tie kun Volodja, sur la stratoj, kolektante en ĉapelon monon por krei Internacian Muzikan E-Centron... en Londono.*(NDLR: ni ja havas spionojn en Stokholmo, ili certe informos nin pri la vereco de tiuj bruoj! Kaj ĉiu okaze niaj Ŝerlokoj traspuras lin..:)*

Andrej ANANJIN
(Kondensite el pluraj tekstoj)



## Pri NeEsperantistaj E-Rok-Muzikistoj

Antaŭ ol paroli pri la rokgrupo al kiu vi ĉiuj verŝajne pensis legante la titolon, mi volus diri kelkaj ĝeneralajn vortojn pri muziksteloj. Ilia plimulto staras neatingeblaj, protektitaj de goriloj varbitaj de patrinkokinaj manaĝeroj kaj produktistoj avidaj je mongajno!

Tia etoso plej ofte malhelpas tiujn muzikstelojn klare decidi pri sia propra privata vivo kaj plikiale pri sia profesia sinteno. Ekzemple iu franca stelo iel konita sub nomo de Enrico Macias(pr. enriko masias) estis promesinta kanti Esperante! Se mi bone memoras temis pri nur unu kanto! Eĉ nur tion ni ankoraŭ atendas! Aliaj eĉ ne degnis aŭskulti niajn pledojn! Ni ne juĝu ilin: ni ne scias kio estas stelvivo!

Stano Marĉek finfine sukcesis tion: ke furora stelo kantu Esperante! Kial li sukcesis? Tutsimple ĉar li estas la manaĝero de la citita stelo! Pro tio, Teamo ekkantis Esperante, sed ili certe ne havas la tempon lerni la lingvon, koncertoj, turneoj, studioseancoj, konkursoj, intervjuoj ĉe televidoj, radioj kaj gazetaroj forrabante eĉ ilian privatan vivon (kiu el iliaj amikinoj aŭ edzinoj pretendos la malon?).

Sed tio estas paga! Plej furoras Teamo en Ĉehoslovakio rabante ĉiujn premiojn kaj eksplodigante ĉiujn recenzojn! Last jare, jam ili gajnis la Oran Najtingalon al kiu partoprenas centmiloj da aŭskultantoj kaj konkursas ĉirkaŭ milo da grupoj, duon-milo da kantistinoj kaj pli ol okcent kantistoj. Kromze ili ankaŭ kunportis la Oran Noton. Kaj ĉijare ili jam denove gajnis saman Oran Najtingalon.

Teamo nun jam revenis el Anglio kaj aperas nova albumo. Oni ilin pli kaj pli amas ĉefe en Slovakio kie ankaŭ la E-kasedo bone vendiĝas! kaj tio certe estas bona reklamado pro nia lingvo, kiun ja de longe multaj samideanoj alploris!





## La miteca ŝton-roka grupo de esperantujo

**En tiu ĉi numero, ni provos rakonti al vi iom pli pri la Bleka Forfikulo kaj siaj Orelboristoj! Efektive, neniu scias kien ilin trovi kaj la malmulto da kontaktoj kiujn ni interĝuis, ĉiam estis ŝulditaj al ilia iniciativo.**

Ilia grupo havas tre marĝenan vivon kaj ŝajnus ke iuj leĝaj organizoj traserĉus pedikojn en iliaj hararoj. Pro tiaj faktoj, pri kiuj ili neas respondeci kaj ne dezirante pagi ion kion ili ne ŝuldas, ili venintus en Francio. Tie ili ŝajne sentas sin ŝirme de malagrablaĵoj...

"Ĉu oni povas nomi muzikon iliajn ludaĵojn?", jen demando en kiu mi ne enmiksiĝos! Ne malplaĉas al mi ilia verko, kvankam ĝi eble mankas pri iom da matureco, sed ne gravas ĉar ĝi estas stilo kiu mankas al la esperanta rok muziko!

Samkiel la muziko, iliaj paroloj estas viglaj, akraj kaj frapaj: ili ne trikas punton! Fortan, solidan teksaĵon nur, necesa por subteni la potencon de iliaj paroloj kiujn oni malofte devas preni je la unua grado! Kaj eĉ tiam, ŝajnus ke necesas serĉi pli fore la profundan signifon de iliaj blekoj! (Trajuĝu kaj pezu mem la ĉi apudajn parolojn!)

Pri ilia albumo "Rajdante Harley", ni ne havas multajn novaĵojn, krom ke ĝi ĉiam estontas, sen difinita aperdato. Ili havus kelkajn viv'problemojn kaj mi plendas tiun kiu forŝtelis unu el iliaj Harley Davidson motorcikloj. Se ili kaptas lin, li certe neniam plu ŝtelos! Almenaŭ tion, la orelboristoj asertis al mi...

Krome, ili ankaŭ ne trovas studion laŭ siaj gustoj kaj ne plu volas surbendigi kiel ili jam faris por la kvar unuaj pecoj kiuj estas minimume konataj de la aŭskultantoj de nia semajna elsendo en radio FMR.

Mi esperas por ili kaj por la E-Rok-Movado ke ĉio ĉi rapide arranĝiĝos tiel ke Vinilkosmo povu finfine eldoni ilian albumon, kiu, laŭdire, estus tre atendita, kaj tiesokazan promesitan intervjuon de la Bleka Forfikulo mem! Ĝis tiam Rok'Gazet eble rajtos intervjui unu aŭ alian el la orelboristoj, eble!

**** LIBERTESTIKOJ ****

*Suĉu, Suĉu, Suĉu, min...*
*Knedu, Knedu, Knedu, min...*
*Bela libertin'*
*Ke mi bugru fipugaĉajn polifikistojn!*

*Eĉ merdon fuŝas tiuj furzaj fekuloj,*
*Ili ĝuas trui, detrui, bori, fifiki,*
*Eĉ pison poluas tiaj sinmemfikuloj,*
*Tiom ke ilia virto stas malefiki.*

*Midzu, Midzu, Midzu, min...*
*Melku, Melku, Melku, min...*
*Volupta knabin'*
*Ĝue ĉurigu miajn plenajn libertestikojn!*

*Ni tuj liberiĝu de tiuj fikenduloj,*
*Tiel ke ili ne plu kapablu nin trafiki,*
*Ni kastru kaj senkacigu pugendulojn,*
*Bugre ili jam tro nin ĝismorte fikis.*

*Ŝraŭbu, Ŝraŭbu, Ŝraŭbu, vin...*
*Ingu, Ingu, Ingu, min...*
*Ĝua belulin'*
*Enprenu kacon ĝis libertestikoj!*

*Fakte por niaj polifikuloj,*
*Plej vila gadmeso jam tro belos,*
*Por tiom senutilaj pugaĉuloj,*
*Iliaj fikanonoj plej ĝue alcelos!*

*Suĉu, Suĉu, Suĉu, min...*
*Knedu, Knedu, Knedu, min...*
*Amenda knabin'*
*Ĝue ĉurigu miajn belajn libertestikojn!*

*Suĉu, Suĉu, Suĉu, min...*
*Knedu, Knedu, Knedu, min...*
*Kara libertin'*
*Ke mi bugru fipugaĉajn polifikistojn!*

**PS: Fakte mi konstatas miselekton de la teksto kiu ŝajnas esti pli rekte enprofundiĝanta en la ĉiutaga realeco del' vivo, krudigante vortojn je plej alta nivelo!**



# ANONCETOJ

*MUZIKA TERMINOLOGIO*

*36jara londona instruisto pri violonĉelo pretas verki muzikterminaron kaj serĉar helpon de la muzika esperantistaro.*
*Kontaktu: Andreo MARSHALL*
*42 High Street, Waltham*
*GRIMSBY S Humb DN 37 OPL*
*Anglio.*



---

*PRI FRANK ZAPPA*

*Ĉu troviĝas komplezemul(in)o kiu surbendigus por mi la 4 lastajn eldonitajn diskegojn de Frank Zappa.*
*Kasedojn mi sendos.*
*Kontaktu: Lada PATLOKA*
*Na Vyhlidce 35,*
*CS- 68201 VYŠKOV*
*Ĉeĥoslovakio.*



---

*PRI SOVETIA ROKMUZIKO*

*Glebo MALCEV volonte informos ajnulon pri sovetia rokmuziko (ne-E-a)) kaj eĉ por simbola pago surbendigos preskaŭ ajnan sovetian rokbandon (interesatoj petu liston). Tamen, necesas sendi kasedon por tio, ĉar malfacile akireblas en sovetio.*
*Turnu vin al: Glebo MALCEV*
*do Vostrebovanija,*
*Sverdlovsk-centr,*
*SU-620151 USSR*

*ANTAŬDANKON DE NIA E-AFRIKA SERVO.*

*Ni jam havas 340 perkorespondajn lernantojn en diversaj landoj el Afriko.*
*Ni povus ankoraŭ multe plialtigi tiun nombron sed ni bezonas financan helpon.*
*Pro tio ni kolektas kaj vendas poŝtmarkojn.*
*Ĉu vi pretas helpi nin?*
*Sendu al Esperanto-Kurso*
*BP 7073*
*F-34080 MONTPELLIER*
*Francio*
*Ĉiujn ajn P.M. novajn aŭ stampitajn kiujn vi trovos.*

*15a KAJ 16a INTERNACIAJ SEMAJNOJ DE ESPERANTO.*

- La unua okazos en vilaĝeto de franca montaro Alpes, 1000m super marnivelo, 30km sudoriente de Genevo, en mirinda ripoza loko, kadre de bela feriejo, de la 24a ĝis la 31a de aŭgusto 1991.

- La dua okazos ĉe mediteranea marbordo, en havenurbo SETE, 30km okcidente de Montpellier, en bela parko apud la maro, de la 7a ĝis la 14a de septembro 1991.
Ni proponas al vi lerni aŭ perfektigi vian scipovon pri esperanto.
Ni havos tri nivelajn kursojn zorgitajn de eminentaj instruistoj inter kiuj S-roj Moirans kaj Babin S-ino C.de Lorenzi.

Vi povas kapti okazon ferii tri semajnojn en Francio; la dua semajno estos libera: tiel vi povos vojaĝi tra Francio kaj viziti viajn korespondantojn aŭ, laŭ prefero, vi povos plurestadi en la montara feriejo.
Kiel ĉiujare vi trovos vere internacian etoson. Ankaŭ... banado, ekskursoj, belaj vesperkunvenoj kaj bona manĝo ĝojigos vin:
Tre modesta restadokosto,
Ambaŭ domoj taŭgas por rulseĝoj,
Ebleco tendumi proksime.
Aliĝo/Informo:
ESPERANTO, 5rue du Docteur Roux,
34000 MONTPELLIER
FRANCE

*KONINDAJ ADRESOJ*

*ESPERANTAJN REVUOJN, KASEDOJN KAJ DISKOJN*

*Oni vendas en la pariza librovendejo :*
*LIBRAIRIE PUBLICO,*
*145 rue AMELOT*
*F-75011 PARIS, FRANCIO*

*LIBRAIRIE PARALLELE,*
*47 rue SAINT-HONORE*
*F-75001 PARIS, FRANCIO*



*MUZIK TERMINARO POR ROKMUZIKO KAJ ROKMUZIKISTOJ*
*Petu informoj al :*
*Bertil WENNERGREN*
*VÄSTERTORPS VAGEN 154-1 TR*
*S-12659 HÄGERSTEN*
*SVEDIO*

# Radioj iĝu maŝoj de la reto

**Sendu kasedojn, diskojn, informojn, ktp. al tiuj radio stacioj. Petu ke ili pli ofte dissendu E-Rok-Muzikon. Ili povas fariĝi komplemento por la rokmuzika komuniko inter la rokemuloj kaj la E-rok' reto.**

**Kiam nenio menciitas, petu la taŭgajn frekvencojn kaj horarojn por via regiono, skribante rekte al koncernaj radioj.**

**La tutaj skipoj de Eurokka, Rok'Gazet' kaj Vinilkosmo alsendas siajn plej profundajn novjarajn bondezirojn por la ĝus komencita jaro kaj pli kaj pli da E-elsendoj!**

********

# RADIO ANONCOJ

********

Esperanto-junulino dissendas E-rokmuzikojn kaj parolas pri Esperanto en sia programo "Mozaiko" ĉiu lunde de la 16a ĝis la 17a30 en la radio stacio "Radio Pays d'Hérault" (Radio de la Lando "Hérault") laŭ 90,7Mhz en la sudo de Francio.
Brigitte MICHEL
Mas d'el Paillé
34230 AUMELAS, FRANCIO

***

Asocio "Psychédélires" elsendas ĉiu vespere de la 20a ĝis la 21a laŭ la 94.9Mhz de "NEPTUNE" en Bresto, FRANCIO. Tio nomas sin "Leitmotiv" kaj temas ĉefe pri akra rokmuziko. Ili proponas enmeti Erok muzikon! Sed ĉu estas sufiĉe da akra rokmuziko esperanta?
Jacques MONOT
Kergreach
F-29470 LOPERHET
FRANCIO

***

"Ici et Maintenant" (Ĉi tie kaj nun) 93.1Mhz estas libera radio kiu kuraĝigas aŭskultantojn kaj asociojnkrej elsendojn sur ĝia anteno. Ĝi estas tre aŭskultata. Sufiĉas sendi plej eble kompletan dosieron pri la elsendo kiun vi ŝatus animi, vivigi. Pliajn informoj petu kaj dosieron sendu al:
Radio ICI ET MAINTENANT
25 rue du Renard
F-75004 PARIS, FRANCIO

***

Gratulante nin pro la apero de la disketo de Vinilkosmo, Radio Budapest informas nin pri adresŝanĝo: ne pluas PF200 7601 PECS, nun uzu:
Magyar Radio KNAF,
Eszperanto,
BUDAPEST 1800,
HUNGARIO

***

Pri radio kiu elsendas ĉiu sabate de la 12a ĝis la 12a20 laŭ 94.3Mhz el Kordobo, Hispanio, ni tute ne havas la adreson; se vi ĝin konas, bonvulu informi nin, ni antaŭdankas.

***

Kun sinceraj novjaraj bondeziroj, RADIO VILNJUSO petas pli da E-rokmuziko. Kunhelpu!
Radio Vilnius Esperanto
SU-232674 Vilnius
Litova SSR

***

Rolando Pelaez, direktoro pri Korespondado de "Radio Habana Cuba" Eo-Redakcio ĝojas ricevi multajn korespondojn pri E-elsendoj, E-rokmuziko kaj petas samideanajn subtenojn por plua elsendado (kaj eĉ ebla plioftigo). Tiuj kiuj deziras la kongresan poŝtmarkon ankaŭ skribu kaj ĝin petu.
RADIO HAVANO
Esperanto fako
poŝtkesto 70-26
LA HABANA, CUBA

***

Sorokaba Esperanto Klubo dankegas la bonkvalitegan diskon de la Rozmariaj Beboj... kiun ili jam programis sur la ondoj de "Radio Clube de Sorocaba", dezirante sukceson al nia entrepreno, kiu grande riĉigas nian internacian kulturon.

Ni mem dankas SEK por ĉiuj tiuj gratulegoj kaj deziras al ili multajn Rok-Kor-respondojn.
Radio Clube de Sorocaba
Esperanto Redakcio
rua de Penha 455, C.P.234
BR-18100 SOROCABA, SP

***

UK HAAS kiu elsendas pri "Monda Muziko" pere de "Radio Campus" en Strasburgo tre interesiĝas al E-rokmuziko kaj atendas tiesajn novajojn.
LUK HAAS
28 rue de Soultz
F-67100 STRASBURGO

***

Radio Pekino dankas, gratulas kaj esperas multajn E-Rok-Muzikan kaj E-Muzikan materialon kaj novajojn.
Radio Beijing
Esperanto sekcio
BEIJING 100866 CHINA




中国国际广播电台
















**Aliaj radioj elsendantaj E-Rok-Muzikon**

® ® ® ® ® ® ® ®

Radio FMR, 89Mhz
Esperanto Redakcio
9bis av. Frédéric Estèbe
F-31200 TOULOUSE

Estona Radio
Esperanto fako
SU-200100 TALLIN
Estonio, Sovetio

Radio Esperanto Parizo
145 rue Amelot
F-75011 Paris

Brazila Spiritisma Federacio
Radio Rio de Janeiro
av Passos 30
BR-20000
RIO DE JANEIRO ZC58

RADIO ZAGREB
Esperanto redakcio
Jurišečeva 4,
YU-41000 ZAGREB

Radio Roma RAI
Esperanto redakcio
C.P.320
I-00100 ROMA

ORF
Esperanto Redakcio
A-1136 WIEN

Svisa Radio Internacia
Esperanto fako
CH-3000 BERN 15

Radio Polonia
Esperanto redakcio
Poŝtkesto 46
PL-00950 WARSZAWA 1







QSL

# ROKMUZIKA RETO

**Jen nova eldono de la E-Rok-Muzik-Reto. En ĝi vi retrovos jam aperintajn rokemulojn en la n°0 de Rok'Gazet', nur kiam estas plio koncernanta ilin. Tiam la signo @ antaŭos ilian nomon. Se ili aperis ekster la paĝoj de la Reto vi trovos menciite la numeron de Rok'Gazet' sekvitan de la taŭga paĝo, sub la formo X)pp. Ek de ĉi n° la signo & en la cetero de Rok'Gazet' resendas vin ĉi tie mem, en la Reto! En tiu eldono de la Reto, klasiĝas enhavo laŭ inicialoj**

Granda kunhelpanto de EUROKKA estas Andrzej. Krome li ankaŭ kunhelpas "Espero"-n [0)09, 1)08], ĉefe por manaĝado.
**Andrzej BRODA**
**UL. Jednosci Narodowej 1-3/39**
**PL-76-100 SLAWNO**

---

Amelia anoncas al ni la ekziston de ŝia grupo de "*moderna*" muziko : "Importo en Pesetoj", aldonante neniun klarigon! Ĉu temas pri Rokmuziko? Ni esperas tion scipovi baldaŭ kaj eĉ fari paperon pri la tuto!
**Amelia JIMENEZ**
**Aud./Libertad 6. Blq. 4°**
**E-30009 MURCIA**

---

Andreo ORLOV zorgas nun pri tri grupoj: metalrokan grupon kiu nomiĝas "Buenos Aires", pop'rok'grupon kies nomo estas "Rusj" kaj fine rokgrupon kiu verŝajne unuos pretigante Esperanto-programon, nome "Alibi" [vidu 2)xx]. Li proponas disvastigi sovetian Rok-Muzikon kaj pensas pri eventuala kunlaboro kun ekster-sovetia firmao.
**Andreo ORLOV**
**109004 MOSKVO**
**p/K 78 USSR**

---

Peranto de Amikeca Reto kaj de Eurokka, Prezidanto de Argentina Esperanto Asocio, nome Atiljo Orellana-Rojas helpas disvastigon de E-Rok-Muziko
**@ Atiljo Orellana-Rojas**
**Argentina Esperanto Asocio**
**C.C.1428 5000 CORDOBA**
**ARGENTINO**

---

Betti MAUL verkas bonegajn artikolojn kaj recenzojn pri Rok-Muziko kaj E-Rokproduktajoj en la revuo Monato. Verŝajne vi baldaŭ legos ŝian subskribon en Rok'Gazet'! Ni bonvenigas ŝin.
**Betti MAUL**
**Pferseer Strasse 15**
**D-8900 AUGSBURG, FRG**

---

Carlos MIRANDA ŝatas muzikon kaj deziras havi E-Rokmuzikmaterialon por elsendi per Radio tra sia alta lando. Li ankaŭ serĉas fotojn pri E-Rokbandoj.
**Carlos A.MIRANDA BRAVO**
**Av. Amancaes 633 Urb**
**Jardines Viru Bellavista**
**CALLAO-LIMA-PERU (Callao 2)**

---

Cheng volonte ofte ricevus informojn pri E-Rok-Muziko kaj eventuale muzikistojn.
0)09 **Cheng Yong Hua**
**P.O. Box 2421-3**
**100081 BEIJING, Ĉinio**

---

Ni prezentos Rok'Gazet' en "Muziko" (organo de MEL [Muzika E-o Ligo]), kaj malfermos novan rubrikon "Rok-Muziko", en kiu ni prezentos rokgrupojn kaj individuajn muzikistojn, kiuj anoncos sin kaj skribos informojn pri ilia agado.
1)10 **Dimitàr TERZIEV**
**UL. Milin Kamàk 58**
**BG-1421 SOFIA**

---

Drasutis pretas kunlabori kaj proponas interŝanĝi E-librojn kaj rokdiskojn aŭ surbendigojn pri sovetia Rokmuziko kontraŭ E-Rok-Muziko.
**Drasutis POCKEVIČIUS**
**ANGARIEČIO 66-33**
**234520 MARIJAMPOLE LITOVIO**

---

Li ne estas muzikisto sed simpatias kaj deziras apogi... Ĉar li jam interesiĝas pri multaj aferoj, lin mankas tempo, multe, sed tiom same havas li ideojn!
**Eric BENECH**
**159 Rue Marcadet**
**F-75018 PARIS**

---

Profesia muzikisto, komponisto, aranĝisto li estas. Ĉiam li enmetas E-kanzonojn en siajn portugallingvajn diskojn kaj koncertojn. Krome li respondecas pri aranĝoj kaj muzika direktado de la kasedo "Aaron brazilumas Esperante". De li, jam troveblas "Aerlumo", kaj ankoraŭ "F.F. en Esperanto"! Ĉu vi ne trovis? Jes, Li estas:
1)10 **Flavio FONSECA**
**Caixa Postal 3532**
**BR-70084 BRASILIA DF**

---

203a ĝi estas! Jes la unua disketo de VinilKosmo estas ja la 203a E-disko de Georgo el Budapeŝto. Kia kolekto!
**Georgo CSULLOG PF 189**
**H-1502 BUDAPEST**

---

Georgo KAMAĈO [vidu 1)18] prezentis prelegon kun la titolo: "Kion oni trovas en la tekstoj de Persone" *([Ndlr] Persone, mi tie trovis nur vortojn!)* en la tria Kultura Esperanto-Festivalo «KEF3» kaj en la nordia Kvinpinta Semajno «KpS». Lia nuna adreso estas:
**@ Jorge CAMACHO**
**Chantada 43, 1-J**
**E-28035 MADRID**

---

Mi proponas interŝanĝojn. Mi povas sendi kasedojn kun rokgrupoj de Sverdlovska-Rok-Klubo, bedaŭrinde ne E-aj, aŭ E-kantoj de USSR-anoj(tamen ne rokaj).
**Glebo MALCEV**
**do vostrebovanija**
**SVERDLOVSK-CENTR**
**SU-620151 USSR**

---

Organizanto de SAT Kongreso 91 en Amboise (Francio) estas Gérard ROLLIN. Eldonisto de Amikeca Reto, li ankaŭ ŝatas Rok-Muzikon, kaj certe enmetas koncertojn en la programon (tiu de Kajto jam certas). Ie, li timas ke la E-Rok-Muzika Reto kun publikigo de la adresoj de Rok-subtenantoj, donu armilojn al la Rok-malamantoj . Espereble li pravu, kvankam mi iom dubas, ke malrokemuloj legus Rok'Gazet'. Ĉar la amiloj de niaj malamikoj spruĉiĝos nin antaŭen! (Krome mi dubas, ke ili eĉ nur kapablus uzi arm-milojn!!)
1)10 **Gérard ROLLIN**
**63 rue de la République**
**CHARGE F-37530 AMBOISE**

---

Juozas tre interesiĝas pri Rok-Muziko kaj tre deziras kunlabori kun ni. Sed li ne scias kiel helpi!
**Juozas ABRAMAVICIUS**
**TOPOLIU 4-41**
**234580 ALYTUS-3**
**LITOVIO (USSR)**

---

E-a Svislanda Junularo kunorganizas Kampado 91 festivalon kaj priserĉas E-Rok-Muzik-Bandojn kaj E-Muzikistojn. [1)19]
**Junlaro Esperantista Svislanda**
**Sekretariejo Kampado 91**
**Poŝtfako 639**
**CH-8201 SCHAFFHAUSEN**

---





Alia rokemulo ja estas:
**Josep FERRER**
**c/. LISBOA, 3- 3 ° 4°**
**E-08032 BARCELONA**

---

"Mi havas 38 jarojn. Tre ŝatas Rokmuzikon. Mi kolektas gramofondiskojn, poŝtmarkojn, bildkartojn. Mi tre deziras hazvi geamikojn en diversaj landoj kaj interŝanĝi materialon pri Rok-Muziko." Juri kaj siaj amikoj de E-klubo Svema atnedas multajn respondojn.
**Juri KORSUM**
**P.BOX-7**
**SHOSTKA-7**
**SUMSKA OBL**
**245110 UKRAINIO (USSR)**
Por liaj geamikoj ŝanĝu du unuajn liniojn al:
**Esperanto Klubo "SVEMA"**
**P.BOX-50**

---

Fine de majo 90 ekis "Eurock" kultura kaj muzika interŝanĝa programo trijara inter ŝtatoj de Eŭropa Komunumo, laŭ ideo de Bernard BATZEN (Mano Negra). Batzen, jam de multaj jaroj, defendas la Eŭropan Rokmuzikon. La principo de "Eurock" dividas la koncert-programon inter loka kaj gasta rokgrupoj, kun reciproka vizito de koncernaj landoj. "Eurock" startis en Coimbra, Portugalio, kun la furora portugala trupo Xutos e Pontapes kaj la franca Mano Negra. Jam aliaj grupoj prezentiĝis: —OTH , Babylon Fighters kaj Noir Désir, ĉiuj tri el Francio —La Frontera el Hispanio —Umboya el FRG —Litfiba el Italio. Pliajn informojn ni atendas. Dankon al Jean-Pierre kiu informis nin.
**Jean-Pierre VANDENDAELE**
**V. de Saedeleerpad 3**
**B-8380 LISSEWEGE BELGIO**

---

Jon traserĉas Rumanajn Rokanojn por E-igi ilin. Li proponas partopreni al Rok-Festivalo de Castinesti (Kastineŝtj).
**Jon Sirbu**
**Bd.Lenin 92 Sc.C E.1 Ap.8**
**2200 BRAŜOV RUMANIO**

---

Janseb multe helpas nin kaj eĉ pretis redakti Rok'Gazet' sed stumblis sur 10 cm alta dosiero, kiel mi mem estus farinta se mi ricevus ĝin tiel, per unu bato. Sed folio post folio mi ne vidis alveni la monton da paperaĉoj el kiu mi eltiris ĉerpe kaj ŝvite tiun magran n°1. Specialajn dankojn por li kaj kuraĝigu lin: li sentas sin kulpa dum ne estas kialo!
**J.S. BRILLEAUD**
**7 rue des Frères Lumière**
**F-92500 RUEIL**

---

Rokemulino el Aŭstralio ŝategas legi pri E-Rok-Muziko:
**Joyce TURNER**
**19 Wandal road**
**Rockhampton**
**AUSTRALIA 4700**

---

Jurij Viktoroviĉ proponas solvojn al pagproblemoj de nepagipovaj landoj.
@ 1)6 **Jurj V. PASEĈNIKOV**
**Literatura Redakcio de SEJM**
**abonkesto 873, TOMSK-12**
**SU-634012 SOVETUNIO**

---

Jen drumisto deksepjara kiu amas Rokmuzikon:
**Ludoviko HOUGUET**
**13 rue du Pradonnais**
**44350 GUERANDE**

---

Koreoj ŝatas Rokmuzikon. Lee informis nin ke en Korea Esperantio troviĝas muzika rondo "Gracia", kiu sidas ĉiu semajne ĉe KEA.
**Lee Jung-kee**
**Ĝ. Sekr.de KEA**
**CPO 4258 SEULO 100-642**
**KOREIO**

---

Leon kvadrate krokodilas kaj ronde aligatoras por diri al ni ke li estas muzikisto kiu lernis E-on sufiĉe bone por verki kaj surbendigi kanton. "A E I," aperas en albumo "Songs drom Gondwanaland" far "Rhumba Club", kiu estas mondritma bando, ludanta musikon el monda ĉirkaŭo. Ĉi lastaj deziras scii pri ajnaj muzikokazajoj kiujn ili povus partopreni. Mi petas nepre skribi E-e al ili!
**Leon Gruenbaum**
**102 st Mark's Place, #4**
**New York,**
**NY 10009 USA**

---

Mikke estas la skrapulo de Amplifiki. Ni helpos kiel li petis por la disvendado de ilia tria kasedo[vidu 1)4,28]. Do, sendu al li kuraĝigojn kaj gratulojn aŭ(kaj) fanleterojn. Vivu Mikke!
0)12 **Mikke Englund**
**Love Almqvists v.**
**S-112 53 STOCKHOLM**

---

"Kredo" estas lia grupo de E-Art-Rok-Muziko; por ĝi li verkis Esperante. Kredanoj bezonas ne nur kuraĝigojn: ĉio materiala mankas al ili.
1)20 **Oleg SVIRSKIJ**
**Revolucii 2-12**
**SU-152905 RIBINSK USSR**

---



Przemek ŝatas skribi por Rok-Gazet'. Se vi sciigas al li interesajojn li verŝajne verkos por ni trafoplena(j)n artikolo(j)n. [1)3,10]
@ **Przemek GRZYBOWSKI**
**Poŝtkesto 23,**
**PL-85-149 BYDGOSZCZ 39**

---

Rok-Muzik-Delegito li estas ĉe UEA! Gratulojn!
@ **Roman HIRMAN**
**Pod. Koupalistem 730**
**CS-29306 MLADA BOLESLAV 6**
**ĈEĤOSLOVAKIO**

---

La Stefanaj Klubanoj ŝajne tre aprezas E-Rok-Muzikon.
**Stefana Esperanto Klubo**
**5 rue des Teinturiers**
**42100 St ETIENNE**

---

Min interesas tre multe E-R -M, kiu estas la plej bona el ĉiuj Rok-Muzikoj!
**Seppo PIETILAINEN**
**JOUKAHAISENTIE 31F34**
**SF-06150 PORVOO**
**FINLANDO**

---

Alia rokemulo estas:
**Stefano VERSTAEVEL**
**33 rue Perrin, Bloc K**
**F-59760 GRANDE-SYNTHE**

---

Dum majo-junio okazos internacia festivalo de danco kaj kanto de infanaj rokensembloj en Varsovio. Ne nepre E-aj. Sed estu nur alta nivelo. Manĝado, loĝado, programo, elpaŝoj en teatroj, opero, televido estos certigitaj. Teresa, kiu kore informis nin, mem instruas E-on al tia infana rokensemblo. Ĉi lasta dezirus produktiĝi eksterlanden.
**Teresa JANKOWSKA**
**ul. IWICKA 40n18**
**PL-00-735 WARSZAWA**

---

0)10 Ni atendas la lastdatan adreson de **Zhou Mack** alias **Tufuene Mafulla**

---

Ulf prizorgas E-o Ekspozicion en Finsterwalde. Se vi havas montrendajojn pri E-Rok-Muziko...
**Ulf BELING**
**Kirchhainer Strasse 13**
**Finsterwalde**
**7980 GDR**

---

Wang kaj lia E-o asocio surpiedigas rokorkestron. Krome li ŝajne kunlaboras en radiostacio.
**Wang Giong Wai**
**55a Hao 799-a LON**
**TIANG TONG LU**
**SHANG HAI 200085 ĈINIO**

Lastminute: De longe ni ne havas vivsignon de Eduardo Vargas de la bando"SOLO"
Calle Ayala N°5, 4° D
E-29003 Malaga (Hispanio), sed ni aùdis ke li eldonis disketon, ĉu tio veras? Ni dubas ĉar li sendintus ĝin al ni por tion anonci.







